# REGo

## ☆ RUSIA ESPERANTO-GAZETO ☆

*movada revuo en kunlaboro kun REU* **№ 5 (36) oktobro 2006**



**en la numero**



**Moskvo, 2006**

# *enhavo:*





la emblemo de **RET-07**
kun la temo **"Vi ne solas!"**


# *REGo*

**(Rusia Esperanto-Gazeto)**

***№ 5 (36) oktobro 2006***

*aperadas ekde 2000*

***redaktas*** **Garik Kokolija**
***kunredaktas*** **Viktor Aroloviĉ**
***kunlaboras*** **Maksim Griŝin**

*materialoj de REGo povas esti represataj, kondiĉe ke la tekstoj restos senŝanĝaj kaj estos indikita la fonto*

*poŝta adreso:* Pjatnickoje ŝosse 45 – 105
125310 Moskvo, Rusio
*retadreso* <gazeto@mail.ru>

***abontarifoj por 2007:***

*por loĝantoj de Rusio kaj aliaj landoj de KSŜ – 200 rubloj sendendaj al:*
Коколия Георгий Владимирович
Пятницкое шоссе 45 – 105
125310 Москва

*por loĝantoj de aliaj landoj – 20 eŭroj pagendaj al la konto* **kklg-r** *ĉe UEA*




## AGO-TAGO EN ODESO

Kiel ĉiam, gaje kaj utile okazigis Ago-Tagon junaj esperantistoj el Odesa junulara Esperanto-klubo “Verdaĵo”. En nia klubo la Ago-Tago estas festata ekde 1995. Ni okazigis koncertojn kaj flugfoli-disdonadon sur la ĉefstrato de la urbo, publikigis artikolojn en gazetoj, preparis prezentadojn por TV.

Pasintjare, dum nia jubilea 10-a Ago-Tago, la klubo faris vere grandan kaj utilan laboron: ni plene renovigis la unuan sur la teritorio de eksa Sovetunio monumenton al L.Zamenhof. La monumento, situanta sur la ĉefa strato de nia urbo, Deribasovskaja, estis kreita komence de la 1960-aj jaroj far skulptisto-esperantisto Nikolaj Vasiljeviĉ Blaĵkov. Dum 40 jaroj en betona postamento aperis eĉ fendoj kaj la tuta monumento bezonis restaŭradon. Kaj tion faris ni, junularo, per niaj propraj manoj kaj rimedoj. Al ni helpis per senpaga laboro ankaŭ profesia skulptisto-restaŭristo V.Verbenko, kiu tiel eksplikis sian agon: “Mi volas, ke ankaŭ mia laboro restu en tiu monumento, ĉar nur libervola laboro restas poreterne”. Pri la inaŭguro de la renovigita monumento la 26-an de septembro 2005 informis 3 lokaj gazetoj kaj 2 TV-kanaloj. Estis vera solenaĵo.



Nu, ĉio tio estas nur preludo; tio okazis pasintjare. Ĉi-jare la monumento estas en bona stato, kaj ni nur solene lavis ĝin, ankaŭ en la ĉeesto de lokaj ĵurnalistoj. Kelkaj gazetoj jam akceptis niajn raportojn. La fotoj montras nin ĝuste dum la ago, ĉar ni partoprenas la AGO-Tagon, sed ne Parolado-Tagon, ĉu ne? Sukceson al Esperanto-Agantoj!

***Tatjana Auderskaja, gvidantino de Odesa junulara E-klubo “Verdaĵo”***

---

En la eldonejo “Impeto” aperis “Propra destino” – esperantigo de la “historio unua” de la fama romano de Sergej Lukjanenko “La nokta patrolo”. Baldaŭ aperos “Historio dua. La sia inter la siaj” kaj “Historio tria. Ekskluzive por la siaj”. “La nokta patrolo” estas unu el la plej konataj romanoj de nuntempa rusia fantasta literaturo. Laŭ ĝi aperis du grandbuĝetaj kinofilmoj “La nokta patrolo” kaj “La taga patrolo”, ĉi-lasta tenas la rekordon pri la plej granda kasenspezo inter ĉiuj filmoj, kiuj estis ĝis nun montritaj en rusiaj kinejoj (32000000 dolaroj!). Tamen, laŭ la opinioj de plej multaj ŝatantoj de fantasta literaturo, la romano estas multe pli interesa kaj valora ol la filmoj. La tradukon de “Propra destino” faris Dmitrij Ŝevĉenko, pri la traduko de aliaj partoj laboris kelkaj aliaj konataj esperantistoj.





# ĈEMARA RET en 2007

Rusia Esperantista Unio kaj Volgograda Esperantista Junulara Centro "Stelaro" invitas al la Rusiaj Esperanto-Tagoj **RET-07** kun la temo **"VI NE SOLAS!"**. La aranĝo okazos la 18-25-an de aŭgusto 2007 (plus paroliga periodo la 15-18-an de aŭgusto) apud la urbeto Primorsko-Aĥtarsk ĉe Azova maro, Krasnodara teritorio.

La programon de RET-07 konsistigos 4 fluoj. Akademia fluo: Interkluba konferenco; Somera Universitato; Primovadaj kaj ne nur seminarioj, prelegoj, diskutrondoj; Tradukista kurso; ĈALK-ekzamenoj. SEJT-a fluo: Lingvaj kursoj; Gruplaboro; Amuzaĵoj (festoj, konkursoj, ludoj); Sportoj; Ekskursoj; Lignofajroj; Diskotekoj; Gufujo. Arta fluo – memore al S.Bozin: Koncertoj de famaj E-artistoj (jam konsentis alveni JoMo kaj P.Korotenko); Kanta konkurso (originala kanto, tradukita kanto, la plej bona plenumo); Poezia konkurso (originalaj versaĵoj, tradukitaj versaĵoj, la plej bona deklamado); Teatra konkurso (teatraĵoj, muzikaloj, skeĉoj, humuraĵoj); Diversaj metiejoj. Familia fluo: Programeroj por gepatroj kun infanoj; Infanaj okupoj; Diskutrondo pri denaskaj E-istoj; Diskutrondo pri internaciaj familioj.

En la Organiza Komitato de RET-07 kolektiĝis tre forta teamo: *Eduard Kolosov (Volgograd), Vladimir Bespalov (Soĉi); Mikaelo Bronŝtejn (Tiĥvin), Oleg Ĉajka (Moskvo), Andrej Grigorjevskij (Ŝumerlja), Nikolaj Gudskov (Moskvo), Gennadij Ĥmelj (Noriljsk – Primorsko-Aĥtarsk), Garik Kokolija (Moskvo), Lana Kolosova (Volgograd)*. Krome, pri la organizado helpas la membroj de VEJC "Stelaro".

La bazejo "Lotuso", en kiu pasos RET-07, situas 3 km for de la urbeto. En la bazejo estas: diversaj sportejoj (piedpilka, tenisa, korbopilka, bilarda, tablotenisa) kaj akvobicikloj; koncertejoj, pavilonoj kaj aliaj ejoj (estas ankaŭ surstrata scenejo); propra mara plaĝo; kafejo.

La aliĝkotizo estas de 200 ĝis 500 rubloj depende de la aliĝperiodo. Infanoj (malpli ol 15-jaraj) aliĝkotizon tute ne pagas. Ekzistas rabatoj por gejunuloj, familioj, grupaj aliĝoj kaj programkontribuantoj. Ekzistas malrabatoj por nemembroj de REU aŭ REJM kaj por tiuj, kiuj ne posedas Esperanton. Loĝado kostos tage de 20 ĝis 550 rubloj depende de la loĝvarianto, manĝado (eblas ordinara aŭ vegetara) – 220 rublojn. Tamen la prezoj por loĝado kaj manĝado povos iomete ŝanĝiĝi.

Ĉiujn detalojn pri la aranĝo eblas trovi ĉe la ttt-ejo <www.stelaro.ru>. Tie troveblas ankaŭ reta aliĝilo kaj listo de la aliĝintoj. Retadreso por kontakti la organizantojn estas <ret-07@mail.ru>.

Kune kun tiu ĉi numero de REGo ĉiu abonanto ricevos la unuan Informleteron pri RET-07 kun ĉiuj informoj, kondiĉoj kaj kontaktadresoj.

***La Organiza Komitato***



## FOLIOJ DE NIA MEMORO

*al la demandoj de REGo kaj ĝiaj legantoj respondas Ĵomart, Nataŝa kaj ilia filino Karina*



Saluton, karaj esperantistoj de Rusio! Nataŝa, mi kaj Karina tre ĝojas rakonti iomete pri ni. ☺

***Ĵomart Amzejev*** *naskiĝis 27.02.55 en Ŝimkent (Kazaĥio), tie finis lernejon kaj Kulturan Altlernejon. Laboris kiel muzikgvidanto en Pedagogia altlernejo kaj kiel muzikisto – en diversaj muzikgrupoj. Lernis E-on en 1980. Verkas kaj kantas E-kantojn ekde 1984.* ***Natalja Gerlaĥ*** *naskiĝis 27.09.68 en Ŝimkent, finis altlernejon kaj muziklernejon. Ĵomart kaj Nataŝa kantas kune ekde 1986, geedziĝis en 1991, ekde 1991 loĝas en Stokholmo, en 1995 naskiĝis ilia filino* ***Karina****. La unua kaj sola vinila disketo "Somera mondo" aperis en 1989 ĉe la Taŝkenta filio de la tutlanda firmao "Melodija". La unua kasedo de la duopo "Debuto en eksterlando" kun la registraĵo de ilia koncerto dum IJS aperis en Hungario en 1989. En Svedio aperis jenaj studiaj albumoj de Ĵomart kaj Nataŝa: "Folioj de mia memoro" (1990), "Vi kuras de vi" (1991), "Samarkand" (1994) (ĉiuj tri – sonkasede), "Valso por amikoj" (1999), "Amu min" (2003) (ambaŭ – kompaktdiske). Entute Ĵomart verkis ĉ. 90 kantojn laŭ propraj tekstoj kaj versaĵoj de aliaj aŭtoroj (Mikaelo Bronŝtejn, Marina Korotj, Sten Johansson k.a.). La duopo koncertis en dekoj da grandaj kaj malgrandaj E-aranĝoj (UK, IJK, KEF, OkSEJT, RET, EoLA, Azia E-kongreso ktp.). Lastatempe en la koncertoj de Ĵomart kaj Nataŝa partoprenas ankaŭ Karina, ĉi-jare aperis surdiske registraĵo de 9 E-kantoj en ŝia plenumo.*

*Kiam, kiel kaj kial vi eklernis Esperanton?*

***Ĵ.*** Foje mia fratino donis al mi artikolon pri iu stranga lingvo Esperanto. Mi ĵus revenis de la militservo kaj estis scivolema pri ĉio nova. Do, el la artikolo mi eksciis, ke ekzistas koresponda kurso pri Esperanto gvidata de Boris Kolker. Post tri monatoj mi finis la kurson kaj malkovris tute novan por mi mondon!



***N.*** Ĵomart estis mia muzika instruisto en la Ĉimkenta Pedagogia Altlernejo kie li ankaŭ gvidis Esperanto-kurson. Mi interesiĝis pri la lingvo pro tio, ke ĝi estis

enhavoriĉa kaj logika (mi ja studis fizikon kaj matematikon) kaj ke kantoj sonis ege bone en Esperanto.

*Kiel vi perfektiĝis en Esperanto?*

***Ĵ.*** Mi fakte neniam estis perfekta en Esperanto. Perfektiĝi en Esperanto? Oni devas praktiki la lingvon ĉiutage, ĉu ne? Ni parolas hejme ruslingve, ekstere – svede. Esperanton ni uzas kelkfoje dumjare, kiam ni havas ŝancon komunikiĝi kun esperantistoj. Bedaŭrinde tio ne estas tre oftaj okazaĵoj. ☹

***N.*** ... kaj tial la perfektiĝo okazas en aliaj, pli multe uzataj lingvoj, inter kiuj, bedaŭrinde, ne estas Esperanto. Sed mi scipovas la lingvon sufiĉe bone por povi komunikiĝi kun multaj niaj amikoj el diversaj anguloj de la mondo! ☺

*Kiu E-aranĝo plej bone impresis vin? Per kio?*

***Ĵ.*** Estis kelkaj. Unu estis RET-02 en Rusio, en la jaro 2002. La aranĝo estis la plej varma kaj la plej abunda je artistoj. Venis eĉ kelkaj "malaperintaj" artistoj, ekzemple Anatolo Radajev (ni ambaŭ iam proksimume samtempe komencis niajn E-artistajn karierojn). Por Nataŝa kaj mi la aranĝo estis vera renkontiĝo kun amikoj, novaj kaj malnovaj. Ĉiunokte muzikŝatantoj kolektiĝis en nia malgranda ĉambro kaj ni kantis ĝis mateno. La alia E-aranĝo estas la 3-a Azia Kongreso en Seulo (Suda Koreio). Ni havis bonŝancon partopreni tiun tre ĉarman kaj bonkoran aranĝon. La Kongreso estis tute alia kompare al UK-oj kaj la partoprenantoj estis energiplenaj kaj entuziasmaj. Mi neniam plu vidis tiom multe da ridetantaj homoj. Kaj, kompreneble, ankaŭ interesa por Nataŝa, mi kaj Karina estis la lando mem, la belega Koreio, kaj gastigemaj loĝantoj. Fakte preskaŭ ĉiu E-aranĝo estis interesa.



*dum EoLA en Niĵnij Novgorod (1991)*

***N.*** Ĉiu nova aranĝo riĉigas nin per novaj amikoj kaj travivaĵoj. Ĉiu nova koncerto alportas novajn emociojn kaj malkovras por ni novajn ideojn pri la muzika evoluo de nia duopo, kiu rezultiĝas je novaj kantoj kaj tekstoj. Tial ni dankas ĉiun E-renkontiĝon pro tio!

*Kiu E-libro plej plaĉis al vi?*

***Ĵ.*** Mi tre ŝatas la libron de Sten Johansson "Dis". Estas interesa rakonto, bona lingvonivelo kaj netrista stilo. Rekomendindas.

***N.*** Mi ne ŝatus tion diri, sed mi nur sukcesas legi infanajn E-librojn kun Karina

kaj amason da svedaj (porinfanajn – kiel ekzemple “Harry Potter”, svedajn beletrajn librojn, ankaŭ svedan kaj anglan fakan literaturon). Kiam mi pensiiĝos, tiam mi certe povos anstataŭigi la fakan literaturon per la E-libroj ☺, sed dume mi ne havas tiun bonŝancon ☹.



*dum UK en Florenco (2006)*

*Se vi havus ŝancon ricevi tre bonan laboron kun alta salajro, sed pro ĝi vi neniam povus viziti E-aranĝojn, ĉu vi konsentus?*

***Ĵ.*** Ĉu neniam? Interesajn demandojn vi havas. ☺ Mi ne povas imagi ke mi kabeiĝos aŭ estos devigita forlasi la Esperanto-vivon. En tiu okazo devas esti tre granda salajro, veeere granda. ☺

***N.*** He-he... mi jam havas tian laboron ☺, sed mi tamen eltrovas eblojn por viziti E-aranĝojn. Kiel vi scias, ni kutimas koncerti dum la renkontiĝoj, kaj por fari bonan koncerton ni provludas vere intense minimume dum unu monato antaŭ la koncerto. Do dum tiu monato mia labortago estas ege longa, sed la sukcesa koncerto donas pli da fortoj ol ĉemarborda rilakso ☺... kredu min!

*Se via konato demandas vin, pro kio indas lerni Esperanton, kiel vi respondas?*

***Ĵ.*** Mi ĉiam enviis homojn, kiuj povis bone argumenti la utilecon de Esperanto. Mi nur povas diri – lernu Esperanton, kaj vi havos pli interesan kaj pli riĉan vivon. Almenaŭ por mi estas tiel.

***N.*** Mi povus tiam rakonti pri niaj vojaĝoj al Germanio, Koreio, Francio, Italio – landoj, kies naciajn lingvojn ni ne scias, sed kie ni tute ne havis problemon komunikiĝi kaj sentis nin ege komforte!

*En kiu jaro vi organizis vian unuan ensemblon?*

***Ĵ.*** En kiu jaro, mi ne certe memoras, sed jes, mi havis muzikan rok-grupon kiu nomiĝis “Kredo” (se temas pri E-grupo). En ĝi eniris studantoj de Pedagogia Altlernejo, kie mi laboris kiel muzika gvidanto. Kun tiu grupo ni koncertis en Kazaĥio, en la urbo Samarkand (Uzbekio) kaj en Rusio (en iu urbeto apud Moskvo). *(Se mi ne eraras, en la urbeto apud Moskvo en majo 1985 pasis speciala konkurso por E-muzikistoj, al kiuj estis promesita partopreno en la baldaŭa Tutmonda Festivalo de Junularo kaj Studentoj en Moskvo. Sed, kiel kantas M.Bronŝtejn, “validas la promes’ post tri jaroj da forges’”, tial neniu E-muzikisto oficiale partoprenis en tiu Festivalo.– G.Kokolija)*

*Kiam, en kiu E-aranĝo okazis la debuta prezento de via duopo?*

***Ĵ.*** Nataŝa kaj mi debutis en la urbo Samarkand en la jaro 1987. Tiam ni eĉ ne povis revi pri koncertoj en diversaj urboj de tiama Sovetio aŭ en diversaj landoj. Mi fakte longe serĉis E-tekstojn por krei kantojn, sed vane. Mi povis trovi nur kelkajn "porpacajn" kaj vere enuajn poemaĵojn en diversaj E-ĵurnaloj. Unu el ili mi tamen uzis en la kanto "Pripensu, Sinjor' Senatoro". Post tio mi komencis mem verki tekstojn por miaj kantoj.

***Ĵ.*** Por la koncerto en Samarkand ni preparis nur 4 kantojn, kaj mi memoras, ke kiam ni finkantis ilin kaj volis forlasi la scenejon, oni petis nin kanti pliajn kantojn kaj, ĉar ni ne havis iujn pliajn, ni rekantis kelkajn el la jam kantintaj pecoj. Tio devigis Ĵomart labori plu pri la novaj kantoj por nia duopo.

*Kiu el viaj kantoj plej plaĉas al vi mem?*

***Ĵ.*** Mi ŝatas niajn malnovajn kantojn. Kiel diris al mi iu rusia esperantisto: malnovaj viaj kantoj estas vere "Ĵomartaj" ☺. Ili estas multe pli simplaj ol miaj lastaj kantaĵoj, sed por miaj oreloj ili sonas kiel kantoj de mia juneco. "Fervojbileton mi aĉetos", "Nia trajno" (teksto de Marina Korotj), "Nu kiel fartas vi, amik'?", "Problemoj" – estas kelkaj el karaj por mi kantoj.

***N.*** La kantoj, kiujn mi plej ŝatas, estas tiuj, kiujn mi ĉiam traemocias sendepende de tio, kiom ofte mi kantis la kanton. Se mi devus elekti nur unu malnovan kaj nur unu la plej novan, mi elektus "Problemoj" kaj "Mi lanĉas novan aventuron". Kiam ni plenumas tiujn kantojn, mi ĉiam sentas, ke la publiko ankaŭ trasentas ilin – kaj tio multobligas la efekton de la komunikiĝo kun la publiko kaj donacas ĝuon.

*Ĉu vi iam verkis kantojn en la rusa lingvo?*

***Ĵ.*** Jes, mi havas kelkajn de la pasintaj jaroj, kaj ni planas registri kelkajn kaj meti ilin en nia hejmpaĝo <www.jomart.net>. Tion ni planas fari vintre aŭ printempe.



*la kantanta duopo transformiĝis al la kantanta triopo*

*Ĉu vi iam pensis, ke viaj kantoj povas esti interesaj en Rusio, por neesperantistoj, se traduki ilin?*

***Ĵ.*** Mi pensis kaj pensas pri tio. Mi ŝatus diri, ke Nataŝa kaj mi serĉas nun iun rusian esperantiston (aŭ eble eĉ kelkajn), kiu(j) povus traduki niajn kantojn al la rusa. Se tiuj troviĝos, ni petas kontakti nin. Ni havas jam kelkajn tradukojn al la sveda, la norvega kaj la franca.

***N.*** Mikaelo Bronŝtejn tradukas nun kelkajn siajn kantojn el

Esperanto al la rusa. Eble baldaŭ ni povas kanti la kantojn de KD "Amu min" en la rusa. Interese estas, ĉu la sono estos la sama aŭ ŝanĝiĝos kun la lingvo?

*Kiam aperos viaj novaj diskoj? Kiujn kantojn vi registros por ili?*

***Ĵ.*** Ni intencas aperigi KD-on de Karina. Ŝi jam havas sufiĉe da kantoj por propra KD, kaj la nombro de la kantoj kreskas poiomete. Ni planas ankaŭ reeldoni niajn malnovajn kantojn, kiuj eniris niajn kasedajn eldonaĵojn. Estas planataj du aŭ tri kompaktdiskoj kun provizora titolo "ĴomArtaĵoj", kiuj enhavos preskaŭ ĉiujn niajn malnovajn kantajn kreaĵojn. Ni komencos la registradon ĉi-vintre. Alia projekto, pri kiu ni ĝuste nun okupiĝas, estas remiksado kaj remastrado de nia populara KD "Valso por amikoj". La laboro estas preskaŭ finita. Ni esperas prezenti la diskon dum la Novjara Renkontiĝo en Trier (Germanio), kie ni partoprenos la kulturan programon.

*Kio estis la plej malfacila dum via adaptiĝo en Svedio?*

***N.*** La longaj jaroj de atendo pri la restadpermeso... Ĉio alia estis nur interesa por ni: la nova lingvo, novaj kutimoj kaj kulturo. Pro la foreco de niaj gepatroj ni mem, persone kaj precipe kiel familio, estiĝis pli fortaj kaj unuiĝintaj.



*apud Ĵomart eĉ la plej muzike malkapabla homo prenas gitaron en la manojn*

*Kio plej plaĉas kaj plej ne plaĉas al vi en Svedio?*

***N.*** Plej plaĉas la libereco de la homoj kaj demokratio. La ebleco konstrui la propran vivon al la elektita de mi mem direkto. Malplaĉas?.. Foje naiveco ĉe politikistoj kaj la sveda socia sistemo, kiu naskas pigrulojn ☺.

*Se vi havus sufiĉan monon por ne labori kaj normale vivi ie ajn, kiun landon vi elektus por loĝado?*

***N.*** Francion. Homoj tie estas pli proksimaj al rusoj – almenaŭ laŭ emocioj ☺. Sed... mi pensas ke mi tamen revenus poste al Svedio, ĉar mi amas ĉi tiun landon!

***Ĵ.*** Mi ne scias tion. Mi vere ŝatas Italion kaj Francion... Mi prefere estu reala kaj danku dion pro tio, kion mi jam havas.

*Kiu ruslingva poeto estas por vi la plej ŝatata?*

***Ĵ.*** Ruslingva poeto? Mi multe ŝatas Bulat Okuĝava. Estas interese, ke en Stokholmo loĝas sveda artistino, kiu estas enamiĝinta en poezion de Okuĝava kaj ofte veturis al Rusio speciale por renkontiĝi kun la poeto. Ŝi eldonis libron kun kantoj de Okudĝava tradukitaj al la sveda kaj mem koncertis kun tiuj kantoj.



*la kolonoj de Vatikano estas tro larĝaj eĉ por Ĵomart*

*Kiuj neesperantistaj kantistoj kaj muzikistoj estas la plej ŝatataj de vi?*

***N.*** Mi ege ŝatas la grupojn *Queen, PinkFloyd, Creedence, Boyz II Men* kaj aliajn. Mi ŝatas preskaŭ ĉiujn muzikstilojn, sed la muziko, kun kiu mi povas rilaksi, estas tamen plej ofte balada.

***Ĵ.*** Diana Krall estas unu el miaj la plej ŝatataj kantistinoj. Mi ŝatas gitarludon de Raul Midon, bluzan improvizadon de Robben Ford, ĵazan improvizadon de Sylvain Luc kaj multajn aliajn artistojn. Unusolan favoriton mi ne havas.

*Kiu manĝo estas por vi la plej bongusta (se vi ne povas elekti, nomu kelkajn)?*

***N.*** Tiu, kiun ne mi mem preparas, eĉ se mi fakte sufiĉe bone kuiras. Dum la kuirado oni ĉiam gustumas kaj tial ne plu estas malkovro, kiam oni poste manĝas ☺. Mi ege ŝatas desertojn... eble eĉ pli ol la manĝon ☺.

***Ĵ.*** Pilafon, pelmenojn, "mantojn" kaj aliajn diversnaciajn bongustaĵojn.

*Kiun kinofilmon vi plej ŝatas?*

***N.*** Mi ege ŝatas ekzemple la filmojn "Gladiator" kaj "Shell we dance?", sed mi ankaŭ volonte rigardas bonajn komediojn kiel "Meet the Parents" aŭ filmojn kiel "Snatch". Mi ankaŭ havas multajn favoritojn inter la malnovaj rusiaj kinofilmoj – la listo estus tamen tro longa ☺.

***Ĵ.*** Mi ne havas iun plej ŝatatan filmon. Ŝatas mi multajn... Ekzemple "Crouching Tiger, Hidden Dragon", "Forrest Gump".

*Kial vi decidis instrui muzikon al Karina kaj kiel vi faris tion?*

***N.*** La pli serioza laboro kun Karina komenciĝis de la unua studia registrado antaŭ eble 3 jaroj. Kiam oni laboras en studio, riveliĝas ĉiuj malbonaĵoj, kiujn oni kutime eĉ ne rimarkas dum viva koncerto. Bonŝance Karina aŭdas sufiĉe bone mem, kun kiuj pecoj de la kanto ŝi bezonas labori pli, kaj tio




*muzikistoj de ĉiuj landoj – unuiĝu!*

multe helpas nian kunlaboron kaj kontribuas al ŝia evoluo kiel kantistino.



***Ĵ.*** Mi ne memoras, kiam ni decidis fari tion, aŭ ĉu ni entute faris similan decidon, sed efektive ni okupiĝas pri ŝia muzika eduko. Karina fakte jam povis pervoĉe "preni" la ĝustan tonalon, kiam ŝi ankoraŭ ne povis paroli. Ŝi ĉeestis registradon kaj prilaboradon de la disko "Valso por amikoj" kaj kantis ĉiujn kantaĵojn de la KD parkere, kiam ŝi estis 3-jara. Nataŝa kaj mi kredas, ke Karina povas esti tre bona muzikisto, sed ŝi mem decidos pri tio, kio ŝi estos en sia estonteco.

*Vi registris albumon kun ŝia kantado, sed ĝi estas nur "demonstra". Ĉu vi planas registri pliajn kantojn en ŝia plenumo?*

***N.*** Jes, kompreneble. Ŝi havas nun 9 E-kantojn. Sed ni ŝatus havi ankoraŭ du aŭ tri por povi eldoni bonan kolekton.

***Ĵ.*** Ni certe aperigos KD de Karina, espereble ne nur unu.

**Demandoj por Karina:**

*Ĉu vi memoras: kiam vi ekkonsciis, ke viaj gepatroj estas esperantistoj?*

***K.*** Mi ne tute certas, sed mi kredas ke mi komprenis tion, kiam mi estis ankoraŭ sufiĉe juna. Mi kredas ke miaj gepatroj klopodis ege frue instrui al mi plej uzeblajn E-vortojn.

*Kiu decidis, ke vi pli bone lernu Esperanton: ĉu vi mem aŭ la gepatroj?*



***K.*** Miaj gepatroj. Ili opiniis ke mi pli bone lernu Esperanton por povi komunikiĝi kun diversaj esperantistoj.

*Kion donas nun al vi la scio de Esperanto?*

***K.*** La scio de Esperanto signifas multon por mi! Mi povas ne nur esprimi min en Esperanto, sed ankaŭ kompreni, kion aliaj esperantistoj diras al mi. Estas ankaŭ utile kaj amuze kompreni, pri kio mi kantas. ☺

## NE RIGARDU MIN NE APROBANTE...

Iel-tiel oktobre alvenis kaj pasis, nerimarkita de Esperantujo, la jubileo de persono, amanta tiun ĉi landon profunde, kortuŝe, dolore. Kaj, evidente, sen pretendi la amon reciprokan. Kvankam la reciproka sento, certe, ekzistas. Voĉdonado pri la "Oraj kantoj" montris, ke eĉ la freŝbakita generacio esperantista konas kaj ŝatas la kantojn de Dina – fervore krias: "Ne, ne, ne, mi veturas tuj al la land' Esperantuj'!", plensente konfesas: "Esperantujo, amata tero!" kaj sincere tristas: "Somero jam antaŭ forir', tendaro proksimas al fin'...". Sed scioj pri la aŭtoro verŝajne estas por novicoj mistero egala al la scioj pri verkistoj praepokaj, kiel Bulthuis aŭ Luyken. Mi volas prezenti ŝin almenaŭ skize, ĉar, kredeble, la biografio de tiu persono iom poste entuziasmigos aron da esploristoj. Dume ni bonŝance estas samtempuloj, Dina estas viva, krekapabla, kreema kaj kreanta, do venu tiu ĉi kurta prezentaĵo kiel iom malfrua donaceto por ŝia jubileo.

Dina Grigorjevna Lukjanec naskiĝis en Barnaul. Ŝi ne estas denaska esperantisto, sed, miaopinie, denaska poeto – jes. Ĉe ŝia adoleskeco Barnaul estis elstara loko por sovetia Esperantujo: tie funkciis la fama "Oazo", potenca E-klubo, gvidata de Anatolo Gonĉarov, kiu, ne kontenta pri unusola bona klubo, poste organizis tutlandan junularan movadon. Dina venis "Oazon", versimile, en 1966, kiel studentino de pedagogia instituto, kun amaso da ruslingvaj poemoj kaj poemegoj, kun tuja ekdeziro verki en esperanto. Kaj ŝi ekverkis.

Mi, tiutempe penanta iel kolekti la verkemulojn ĉe la literatura almanako "Velo", informita pri Dina far Gonĉarov, skribis al ŝi, kaj ricevis la versrespondon:

> Mi dankas vin sincere pro l' atento,
> Sed premas min konstante malkontento.
> Mi ja ne estas vera verkistino,
> Sed simpla ordinara junulino.
> Do, ĉu daŭrigi indas la laboron,
> Kaj je verkad' apliki la fervoron?
> Ja tutegale en la vivo mia
> Atendos ĉiam min sukces' nenia.
> Talenton mi, verŝajne, ne posedas,
> Neniu kredas min, kaj mi ne kredas.
> Kaj, ĝenerale, ĉio estas vano.
> Mi dankas pro l' atent', samideano.

Ankaŭ mi respondis verse, kaj ekde tiam – ĝis nia persona konatiĝo dum SEJT-11, en Karpatoj (1969), kaj poste dum multaj jaroj – nia poemkorespondado daŭris. Parte tiuj versleteroj konserviĝis en mia arkivo, eble ili ŝajnos amuzaj por niaj posteuloj.

Ŝia entuziasmo tiam estis senlima. Ankaŭ rilate al Esperanto. Ŝi verkadis, prezentadis spektaklojn, gvidis la poezian fakon de SEJM (ja grandsukcese, se konsideri tiutempajn eldoneblecojn, mildadire, magrajn). Mi diru eĉ pli gravan aĵon: ŝia entuziasmo estis infekta!

Diplomiĝinte kiel instruistino de la franca, ŝi trafis laŭ distribuo por du jaroj en

la lernejon de siberia vilaĝo Povaliĥa. Do, dank' al ŝia apero, naŭdek gelernantoj el centdeko tuj eklernis esperanton, kaj ŝi skribis al mi, ke baldaŭ oni nomos la vilaĝon "Esperantiĥa".

En 1973 ŝi gajnis trijaran studadon en Leningrado, en la superaj pedagogiaj kursoj ĉe la fama pedagogia Gercen-instituto. Tio estis nesupertaksebla bonŝanco, ĉar la francan literaturon tie estis instruanta la plej eminenta fakulo pri poezia tradukarto, profesoro Jefim Etkind. La talento de nova studantino estis tuj rimarkita de li, do ili amikiĝis. Ankaŭ tiu amikeco estis uzita kun utilo por Esperanto. Estis profesoro Etkind, kiu organizis en la Domo de Verkistoj ĉiumonatan buŝan almanakon, titolatan "Unuafoje en la rusa". Ĝin vizitadis kaj aktive partoprenis per prezento de novaj tradukoj cento da plej eminentaj tradukistoj leningradaj, inter kiuj eĉ la fama M.Donskoj. Do estis Dina, kiu persvadis la profesoron enprogramigi du almanakojn, speciale dediĉitajn al Esperanto-poezio; tiuj vesperoj plensukcese efektiviĝis. Bedaŭrinde, en 1975, dum la fifama atakado de la ŝtato kontraŭ tiel nomataj "disidentoj", Jefim Etkind, samkiel multaj aliaj, estis forpelita el la lando. Certe, tio ne estis por li pereiga, car li kapablis instrui la rusan poezion en Sorbono samefike, kiel li estis instruinta la francan en Gercen-instituto. Sed por du centoj da liaj disĉiploj lia foriro estis preskaŭ pereiga. Ĉar ĉiuj libroj de la profesoro estis forĵetitaj el landaj bibliotekoj, ankaŭ liaj fervoraj studentoj ne plu ĝuis specialan aprobon de la potenculoj apudsciencaj.

Tiam Dina venis al hezitado kaj analizo. Ankaŭ pri Esperanto. Ĝuste en tiu tempo estis verkitaj ŝiaj poemoj, la plej amaraj:

Jes, ni estas diversaj,
Ni kontraŭas serioze.
Por mi estas la versoj,
Por vi estas la prozo.
Min ordonas la koro,
Vin ordonas la cerbo.
Min esprimas humoro, –
Vin esprimas nur verbo.

Inter ni ĉio male
Restos ĉiam ĝis morto –
Tio estas normale,
Tion volas la sorto.
Ĉar eternas la dramo
Inter kreo kaj rompo.
Por mi estas la amo,
Por vi estas la trompo.



*Dina Lukjanec kun la filo*

Ankaŭ la poemoj, kiuj en la animo de ĉiu ortodoksa esperantisto provokus malamon kaj abomenon:

Esperanto estas
Lingvo kaj la ideo,
La ideo por kreo de ia idealo.

Esperanto estas
La ideo profunda,
Tamen scii la fundon ĝian
Ne estas realo.

Pro tio mi hezitas
Propagandi ĝin.
Eraron mi evitas,
Komprenu min.
La lingvo estas dono
Por saĝul' kaj fripon',
Ĝi servas por la bono
Kaj por malbon'…

Tamen, absolute mankas eĉ eta kaŭzo por "rigardi ŝin ne aprobante", kiel ŝi diris en unu el siaj kantoj. Tio estis normala hezitado de prudenta persono. Ja Dina ne emis kabei. Kontraŭe, ŝi daŭrigis siajn studojn jam en Moskvo, kaj en 1983 estis defendinta kandidatan disertacion en la Instituto de Lingvoscienco. Estus subtakso diri, ke la defendo estis sukcesa. Ĝi estis brila. Kaj temo de la disertacio estis komparo de esprimebloj de Esperanto kun tiuj de naciaj lingvoj por la tradukarto poezia.

Nelonge post la defendo Dina forveturis al Alma-Ata, la tiama ĉefurbo de Kazaĥio. Tie ŝi loĝas ankaŭ nun. La arta centro, kie ŝi estas kunlaboranta, produktas videopoemojn en la rusa kaj en la kazaĥa lingvoj por la landa televido. La kantoj de Dina iĝis konataj en Kazaĥio; ĉar multaj el ili traktas la ĉefajn homajn ecojn: bonon, malicon, feliĉon, kredon ktp., la aŭtorino havas personajn kontaktojn kun diverskonfesiaj ekleziuloj, inkluzive la patriarkon de rusortodoksa eklezio, ankaŭ kun la prezidento de Kazaĥio.



Mi eĉ ne rimarkis, ke dudek jaroj estas pasintaj, kiam mi renkontis ŝin ĉi-somere en Moskvo. Sama estas la entuziasmo, nur eble iom pli konscia, raciplena, sama estas la brilo en la okuloj, kaj – daŭras kantoverkado ankaŭ en Esperanto:

Se vi povas, do kun ĉiuj estu por,
Kion sentas vi – ne diru,
Kaj ne gravas, ke sopiras via kor', –
Ĝi sopiru.

Se vi timas, ke faligos vin la frap',
Ne insistu, ke vi pravas,
Kaj ne gravas, kion pensis via kap',
Jes, ne gravas.
Kaj se forte vin interne ĝenas ord',
Kaj vi revas pri libero,
Do ne gravas, ke atendas vin la mort'
Pro la vero.

Iam ŝi estis dirinta: "Adiaŭ la Esperantujo, adiaŭ, mia bela land'!" Sed estis ne adiaŭo, nur ĝisrevido. Mi tutanime deziras al Dina bonan sanon, bonfarton kaj prosperon. Espereble, en baldaŭa tempo, per komunaj klopodoj, esperantistoj havos la bonŝancon ĝui ŝiajn ĉarmajn poemojn en ŝia libreto esperantlingva.

***Mikaelo Bronŝtejn (Tiĥvin)***

## BUSVOJAĜO AL ITALIO

Jam longe malantaŭ ni estas la varmega somero kun abundaj diverslandaj vojaĝoj. Rigardante malserenan plenpluvan ĉielon, mi volus iom ekmemori la busvojaĝon al la 91-a Universala Kongreso, kiu okazis en la itala urbo Florenco. Moskva Esperanto-Centro (MEC) organizis la busvojaĝon por rusiaj esperantistoj el pli ol 10 urboj por ne nur partopreni la kongreson, sed ankaŭ laŭvoje viziti kaj iom konatiĝi kun aliaj urboj de Eŭropo.

En la ĉefurbon de Pollando Varsovion ni trafis en la tago de naskiĝo de Esperanto, la 26-an de julio. Pri la evento ankoraŭ en la buso bele kaj precize rakontis vicprezidanto de REU Nikolao Gudskov. Ni vizitis la judan tombejon, kie ripozas L.Zamenhof, lia edzino Klara Zilbernik, du liaj fratoj. Poste ni promenis en la malnova urboparto. En la germana urbo Dresdeno nin atendis, renkontis kaj afable ĉiĉeronis francdevena esperantisto Filipp Benoit, kiu montris al ni la plej famajn vidindaĵojn. Certe, dum 2-3 horoj ne eblas vidi multon, sed la impreso restis tute bona, des pli ke kelkaj busvojaĝantoj estis neniam vojaĝintaj eksterlanden.

Samvespere nin senpacience dum 2,5 horoj rande de la ĉefa aŭtovojo atendis kun la granda slogano en la manoj 4 E-klubanoj de Munkeno. Gvidataj de Karl Breuninger, la munkenanoj disdividis nian grandan



*ekskurso tra Dresdeno*

kolektivon je kelkaj grupoj kaj ni “ekplonĝis” en la vesperan, bonege prilumitan misteran urbegon. Dum 3 horoj oni ĝuis la refreŝigan, post varmega tago, aeron, vizitis la bierejon, kie pasas famega “Oktoberfest”, fotiĝis, danke aŭskultis bonege preparitajn rakontojn de niaj grupgvidantoj. Malfrunokte la buso ekis tra Aŭstrio al la itala Venecio.

Per privata ŝipo de simpatia itala sinjoro ni atingis la centron de Venecio, kie nin atendis anticipe mendita rusparolanta ĉarma ĉiĉeronino. Eĉ troa varmego kaj laco ne malhelpis al niaj scivolemaj esperantistoj sekvi la rapide kurantan laŭ la labirinta urbo gvidantinon. Belega urbo, neforgeseblaj rememoroj, pitoreskaj kanaloj! 2 niaj samideaninoj eĉ sukcesis vojaĝi per gondolo! Kun kapoj plenaj de impresoj, donacoj kaj farotaj fotoj ni forveturis tranokti en la junularan gastejon en Padova. En tiu urbo oni promenis jam memstare malfruvespere kaj frumatene, la plej lertaj eĉ luis biciklojn, esploris la urbon kaj poste rakontis al la “dormuloj”, kien iri kaj kion vidindan viziti… Bravuloj!

Florencon mi ne priskribos, ĉar ĉiu havis propran programon: muzeojn, galeriojn, interalie la kongreson! Pri UK jam bonege skribis en la antaŭa REGo V.Aroloviĉ. Mi nur ŝatus diri, ke dum la ekskursa tago nia plenŝtopita buso portis rusianojn kaj kelkajn polojn al Romo kaj Vatikano. Denove bela rusparolanta ĉiĉeronino, kun la orelumoj por ĉiu grupano, atendis nin ĉe la Koloseo. Oni eĉ demandis, kie mi trovas ĉi-belajn rusparolantajn ekskursgvidantinojn.



*apud la domo en Nurenbergo, kie loĝis Leopold Einstein*

La eterna urbo Romo lasis riĉajn rememorojn. Estas deziro denove kaj denove viziti ĝin, trinketi la akvon el la fontano por geamantoj, vagi kaj vagi… En la animo restas estimego kaj adoro al ĉiuj, kiuj konservas, gardas kaj prizorgas la roman historion. Multo estas legita, vidita en televido kaj filmoj, sed persona vizito, observo kaj ĝuo gravas pli!

Apartan, tute ne planitan anticipe vojaĝon ni faris al Pizo, al ĝia “Kampo de mirakloj” kun konstante falanta Turo. Eĉ la plej skeptikaj uloj malfermis la buŝojn, ekvidinte ĉi fenomenon. Nekredeble kaj neimageble! Kaj denove mankas la tempo por grimpi sur ĝin! Sed por “deserto” ni faris iom flankan veturon kaj la kuraĝuloj naĝis en la Liguria maro, malgraŭ anoncita per radio ŝtormo. Danĝere! Sed denove neforgeseblaj travivaĵoj!

Post fino de la kongreso, kvankam ni estis superplenigitaj per impresoj, fotoj, vizitoj, ekskursoj ktp, ni ekis al la urbo de Romeo kaj Julieta – Verono. Unue, tie ni noktis en la pitoreska kaj agrabla eksa monaĥinejo, kiu nun apartenas al la junulara gastejo. Due, oni ne preterlasis la eblecon tuŝi la sveltan staturon de Julieta kaj ek-

gapi la domon de ŝia amato – Romeo. Pura, kvieta, prizorgita kaj ege kortuŝa urbo, kie mi, ekzemple, ŝatus loĝi.



*en Berlino*

Per longdaŭra kaj malvarma pluvo renkontis nin la urbo de la fama Mozarto – Salcburgo. La 200-jariĝo de Mozarto senteblas, aŭdeblas, vidatas ĉie: sur la koncertaj urbaj placoj, en katedraloj, surombrele, en kafejoj, sur diversspecaj suveniroj. Mozarto regas la urbon! Dum longa vespernokta subpluva promenado ni rapide forgesis pri la tutsemajna sufoka Florenco. Male, matene nin denove sunatendis Nurenbergo kune kun 2 esperantistoj en la flava "Porsche", kiu gvidis nian buson tra la urbo. Kurt kaj Sabine Haube tre serioze prepariĝis al la renkonto kun ni. La vekiĝanta Nurenbergo estas tre alloga kaj bela. Ĉion scianta Nikolao Gudskov estis surprizita per tio, ke oni montris al ni la domon (kun la memortabulo) de la unua pioniro de la germana E-movado L.Einstein. Vespere nin atendis jam la ekskurso tra Berlino, kiun afable organizis por ni la prezidanto de Berlina Esperanto-Ligo Peter Kuehnel.

En Berlino nin renkontis Lena Karpunina (eksa loĝantino de Taĝikio) kaj Gerd Bussing. Estis montrataj novega moderna oficejcentro de la urbo, la placo Alexander-Platz, la parlamentejo (Reichstag), Berlina Esperanto-domo, kie estas sidejo de germanaj esperantistoj, biblioteko, kunvenejo. Post vizito de Berlino la vojo daŭris hejmen, al Rusio!

Entute la vojaĝo sukcesis, kvankam ĝi ne estis facila. Grandan dankon al Nikolao Gudskov, kiu bone kaj detale rakontis en la buso pri la urboj, kie ni ne antaŭmendis ĉiĉeronojn. Dankon al ĉiuj, kiuj partoprenis, helpis, kunsentis kaj eltenis tiom longan vojaĝon. Bonfarton al ĉiuj, kaj ĝis novaj kunveturoj!

***Svetlana Smetanina, Direktoro de MEC***

---



La 23-an de oktobro **Gennadij Basov** (konata al ĉiuj kiel Geĉjo) iĝis 50-jara. Moskva Esperanto-Centro sincere gratulas sian amikon, samideanon, kunaganton okaze de la jubileo. Sanon, prosperon, longdaŭran aktivecon surkampe de Esperanto ni bondeziras al vi, kara, ĉiam helpopreta kaj tolerema amiko!

*REGo aliĝas al tiu ĉi gratulo!*

## KIAM UK OKAZOS EN RUSIO?

*(kelkaj pensoj)*

Ke la plej granda en la mondo E-aranĝo, Universala Kongreso de Esperanto iam okazos en Rusio, estas sendube. Pri tio estas interesitaj ne nur ni, rusianoj, sed ankaŭ UEA kaj la tuta monda esperantistaro.

Simple UK ne estas vere universala antaŭ ol ĝi atingos ĉiujn mondopartojn. Kaj Rusio, kiu, interalie, estis lulilo de Esperanto-movado, estas unu el ankoraŭ neatingitaj partoj.

**Kie?**

Kiel montris niaj esploroj, momente la taŭgajn kondiĉojn por tia grandioza aranĝo en la lando posedas nur tri urboj: Moskvo (la ĉefa urbo), Peterburgo (la turisma ĉefurbo) – kaj Soĉi (la somera ĉefurbo). Parte la kondiĉojn havas ankaŭ Ĉeboksari (la E-a ĉefurbo vidpunkte de multaj el ni).

La bezonataj kondiĉoj inkluzivas a) kongresan halon por ĉ. 2000 personoj; b) ŝtatan subtenon; c) aron da diversnivelaj hoteloj; ĉ) turisme interesajn lokojn ĉirkaŭe ktp. Gravas ankaŭ la aktiva loka aŭ landa movado, kiu povus surpreni plenumadon de multegaj volontulaj taskoj kaj tiel malkreskigi la kostojn de la kongreso.

En nia situacio ni povas karakterizi la havatajn lokojn jene:

1) Moskvo, Peterburgo, Soĉi – tie estas ĉio necesa, krom la subteno de la aŭtoritatoj. Ne temas pri tio, ke oni ne subtenas – simple ni ankoraŭ ne atingis kun ili kontaktojn. Se en iu el la urboj ni sukcesus ricevi realan kaj firman subtenon de la aŭtoritatoj – inkluzive de malavara financa helpo – ni povus komenci la proceduron de la UK-invitado.

2) Ĉeboksari – mankas tiom granda kongresa halo, sed belajn ceremoniojn eblas finfine fari ankaŭ en bona stadiono (la olimpikaj malfermaj ceremonioj ja estas en tiaj ejoj tre bele farataj). Kio gravas, diference de la aliaj urboj, ekzistas subteno de la respublikaj potencoj. Mem la ĉuvaŝia prezidento Fjodorov iam asertis, ke studis Esperanton. Ne estus manko ankaŭ pri bone organizitaj kaj entuziasmaj volontuloj.

**Kiam?**

Ne pli frue ol en 2009, ĉar la antaŭaj jaroj estas jam okupitaj. Por 2009 UEA jam esploras pri Pollando, kaj se oni decidos tie kongresi, sekvafoje UK povos esti invitita al Orienta Eŭropo ne pli frue ol post 2-3 alilokaj kongresoj, do por 2012 aŭ 2013. Ĝenerale, tio estas iom for... Do, se ni invitos UK-on, ni unue provu pri 2009. Ne gravas, ke tio estos la jaro de la 150-jariĝo de Zamenhof, e-istoj ne estas

tiomaj fetiĉistoj. Finfine, eblas rememori, ke la lando, en kiu L.L.Z. naskiĝis, estis Rusio.

**Kion ni faru?**

REU kaj lokaj aktivuloj serĉu kontaktojn kun la aŭtoritatoj en ĉiuj "kandidataj urboj". Certe, Moskvo estas la plej prioritata urbo, sed se ne eblos tie, ni klopodu pri la aliaj. Gravas, ke en iu el niaj urboj okazu UK – tio estus por ni ĉiuj la granda atingo, utila por ĉiuj.

***Andrej Grigorjevskij (Ŝumerlja)***

## PROTOKOLO

***de la 22-a Konferenco de Rusia Esperantista Unio***

*Volgograda regiono, la 18-an de aŭgusto 2006 (enkadre de RET-06)*

### 1. Organizaj demandoj. Elekto de la konferencaj gvidorganoj.

1.1. Estas registritaj 12 delegitoj kun voĉdonrajto[1].

1.2. Elekto de la kunvengvidanto:

Andrej Grigorjevskij (Ŝumerlja) – 4 voĉoj,
Georgij Kokolija (Moskvo) – 2 voĉoj,
Valentin Melnikov (Moskvo) – 3 voĉoj.

Kiel kunvengvidanto estas elektita A.Grigorjevskij.

1.3. Protokolantoj: Vladimir Minin (Tomsk), Galina Terentjeva (Ĉeljabinsk) – elektitaj unuanime.

1.4. Kalkulkomisiono: Valentin Melnikov (Moskvo), Aleksandr Morev (Puŝkin) – elektitaj unuanime.

1.5. Tagordo de la Konferenco:

1) Elekto de la konferencaj gvidorganoj.
2) Aligo de REJM al REU.
3) Raporto de la Estraro de REU.
4) Pridiskuto de la raporto.
5) Raporto de la Kontrol-revizia Komisiono de REU.
6) Raportoj de klubaj reprezentantoj.
7) Strategiaj demandoj.
8) Elekto de la gvidorganoj de REU.
9) Amendoj en la Ĝenerala Regularo.
10) Diversaĵoj.

La tagordo estas akceptita unuanime.

### 2. Aligo de REJM al REU.

A.Grigorjevskij raportis pri la interkonsento inter la Estraro de REU kaj la komitato de REJM aligi REJM al REU kiel junularan sekcion.

Voĉdonado pri la aprobo de la decido de la Estraro de REU aligi REJM al

[1] Poste registriĝis ankoraŭ 3 malfruiĝintoj, entute en la Konferenco estis registritaj 15 delegitoj.

REU:

por – 12 voĉoj,
kontraŭ – 0 voĉoj,
sindetenoj – 0 voĉoj.

Aprobita unuanime.

**3. Raporto de la Estraro de REU.**

3.1. Retpoŝtan raporton de la estrarano Irina Gonĉarova (Moskvo) voĉlegis G.Kokolija.

3.2. La raporton de la Estraro de REU prezentis la Prezidanto de REU A.Grigorjevskij (tekston de la raporto vidu en REGo № 4, 2006).

**4. Pridiskuto de la raporto.**

4.1. G.Kokolija proponis, ke oni parolu nur post permeso de la kunvengvidanto.
Rezulte de la voĉdonado la propono estas akceptita:

por – 11 voĉoj,
kontraŭ – 2 voĉoj,
sindetenoj – 0 voĉoj.

4.2. En la pridiskuto de la raporto partoprenis entute 9 personoj: V.Melnikov, G.Kokolija, V.Minin, Mikaelo Bronŝtejn (Tiĥvin), A.Morev, A.Grigorjevskij, Tatjana Vtorova (Volgograd), Dmitrij Ŝevĉenko (Moskvo), Lubovj Maleĵ (Ivanovo).
Voĉdonado pri ĉesigo de diskutoj:

por – 10 voĉoj,
kontraŭ – 2 voĉoj,
sindetenoj – 1 voĉo.

4.3. Pritakso de la laboro de la Estraro de REU. Dum la pridiskuto estis proponitaj du variantoj de la taksado:
1) V.Melnikov, T.Vtorova – pritaksi la agadon “nekontentiga”,
2) G.Kokolija, V.Minin, M.Bronŝtejn, L.Maleĵ – pritaksi la agadon “kontentiga”.
Rezultoj de la voĉdonado:

varianto 1) – 2 voĉoj,
varianto 2) – 8 voĉoj,
sindetenoj – 3 voĉoj.

La Konferenco decidis taksi la laboron de la Estraro “kontentiga”.

**5. Raporto de la Kontrol-revizia Komisiono.**

5.1. Membro de la Kontrol-revizia Komisiono G.Terentjeva raportis, ke la kasisto de REU Miĥail Ĉertilov malgraŭ la petoj ne prezentis ĝis la Konferenco la financan raporton, kio malebligis laboron de la Komisiono.

5.2. La Prezidanto de REU A.Grigorjevskij informis la Konferencon pri la financa stato de REU, kiu laŭ lia scio estas en ordo.

5.3. G.Kokolija proponis: komisii al la Estraro de REU dum unu monato prezenti la financan raporton al la Kontrol-revizia Komisiono, publikigi ĝin kaj dissendi laŭpete al membroj de REU.

Rezulte de la voĉdonado la propono estas akceptita:

por – 12 voĉoj,
kontraŭ – 0 voĉoj,
sindetenoj – 1 voĉo.

**6. Raportoj de la klubaj reprezentantoj.**

Pri la kluba agado raportis: I.Gonĉarova (Moskva EK MASI), T.Vtorova (Volgograda EK "Espero"), M.Bronŝtejn (Tiĥvina EK), Natalja Grigorjevskaja (Ŝumerlja EK), L.Maleĵ (Ivanova EK), G.Terentjeva (Ĉeljabinska EK).

**7. Strategiaj demandoj.**

7.1. Dum la pridiskuto de strategiaj demandoj T.Vtorova petis la Estraron helpi E-klubojn pri instruado – dissendi instrumetodikajn materialojn kaj subtenajn leterojn al lokaj instruaj instancoj; M.Bronŝtejn petis la Estraron aparte zorgi pri aŭtoritato kaj kvalito de RET-oj kaj elekti por tio en la Estraro respondeculon pri aranĝoj.

7.2. G.Terentjeva proponis, kiel rezulton de antaŭkonferenca diskuto kadre de RET-06, rekomendi al la Estraro kunigi RET kaj OkSEJT en unu tutrusian someran aranĝon.

Post pridiskuto rezulte de la voĉdonado la propono estas akceptita:

por – 8 voĉoj,
kontraŭ – 4 voĉoj,
sindetenoj – 1 voĉo.

7.3. G.Kokolija proponis rekomendi al la Estraro, ke REK kaj EoLA okazu kune.

Post pridiskuto rezulte de la voĉdonado la propono estas nedecidita:

por – 6 voĉoj,
kontraŭ – 0 voĉoj,
sindetenoj – 7 voĉoj.

Post la pluaj debatoj kaj revoĉdonado la propono estas akceptita:

por – 10 voĉoj,
kontraŭ – 1 voĉoj,
sindetenoj – 2 voĉoj.

7.4. A.Grigorjevskij proponis kiel la ĉefan labordirekton por la venonta agadperiodo konsideri regionan (kluban) agadon.

Rezulte de la voĉdonado la propono estas akceptita:

por – 13 voĉoj,
kontraŭ – 0 voĉoj,
sindetenoj – 0 voĉoj.

**8. Elekto de la gvidorganoj de REU.**

8.1. A.Grigorjevskij voĉlegis la retmesaĝon de Valentin Seguru (Moskvo) kun la peto konsideri lian deziron kandidati por la Estraro pri kunlaboro kun la ŝtataj instancoj kaj informis, ke aliaj sinproponoj pri kandidateco por la Estraro ne venis.

8.2. En la debatoj pri okazigo de la reelektoj dum la Konferenco, pri eblo de

reta aŭ skriba voĉdonado kaj pri eblo de demisioj kaj kooptoj de estraranoj partoprenis entute 4 personoj: G.Kokolija, M.Bronŝtejn, V.Melnikov, A.Grigorjevskij.

8.3. M.Bronŝtejn proponis ne okazigi reelektojn de la Estraro kaj de la Prezidanto de REU kaj peti ilin plenumi siajn funkciojn ĝis la sekva Konferenco (maksimume – ĝis la 30-a de aprilo 2007).

Rezulte de la voĉdonado la propono estas akceptita:

por – 10 voĉoj,
kontraŭ – 1 voĉo,
sindetenoj – 2 voĉoj.

8.4. Voĉdonado pri la propono: ne okazigi reelektojn de la Kontrol-revizia Komisiono kaj peti ĝin plenumi siajn funkciojn ĝis la sekva Konferenco (maksimume – ĝis la 30-a de aprilo 2007):

por – 11 voĉoj,
kontraŭ – 0 voĉoj,
sindetenoj – 2 voĉoj.

Rezulte de la voĉdonado la propono estas akceptita

8.5. Voĉdonado pri la propono: ne okazigi reelektojn de la Komisiitoj kaj peti ilin plenumi siajn funkciojn ĝis la sekva Konferenco (maksimume – ĝis la 30-a de aprilo 2007):

por – 12 voĉoj,
kontraŭ – 0 voĉoj,
sindetenoj – 1 voĉo.

Rezulte de la voĉdonado la propono estas akceptita.

**9. Amendoj en la Ĝenerala Regularo.**

9.1. Estis pridiskutita la propono de V.Melnikov fari sekvajn amendojn en la punkto 5.9 de la Ĝenerala Regularo:

– Anstataŭigi la duan frazon de la punkto 5.9 per la frazo “La Estraro rajtas eksigi estraranon, kiu ne partoprenas en la agado dum 3 monatoj.”

– En la lasta frazo de la punkto 5.9 post vorto ”demisio” aldoni vorton “eksigo”.

Rezulte de voĉdonado la teksto de amendoj estas akceptita :

por – 8 voĉoj,
kontraŭ – 4 voĉoj,
sindetenoj – 0 voĉoj.

9.2. Voĉdonado pri la propono: rajtigi la Estraron fari la pridiskutitajn amendojn en la Ĝenerala Regularo, se ili konformas al la Statuto de REU:

por – 10 voĉoj,
kontraŭ – 0 voĉoj,
sindetenoj – 1 voĉo.

Rezulte de la voĉdonado la propono estas akceptita.

**10. Diversaĵoj.**

A.Grigorjevskij informis la Konferencon, ke Boris Zozulja (Rostov-na-Donu)

proponis sian parcelon al REU por organizado de E-ripozejo.

Estis konsentite transdoni la demandon al la Estraro de REU por esploro kaj decido.

***Protokolis: G.Terentjeva, V.Minin***

*Finpretigo de la protokolo: la 8-an de septembro 2006.*

## AMENDO AL LA ĜENERALA REGULARO DE REU

*akceptita de la Estraro laŭ komisio de la Konferenco*

| <u>*ĜISNUNA TEKSTO:*</u> | <u>*NOVA TEKSTO:*</u> |
|---|---|
| 5.9. La Estraro rajtas akcepti demision de estraranoj. La Estraro ne rajtas eksigi estraranon, sen ties peto pri demisio. La Estraro rajtas koopti dum la oficperiodo ne pli ol unu plian estraranon. Demisio aŭ koopto de estrarano validas, se por ĝi voĉdonis ne malpli ol 2/3 de ĉiuj estraranoj. | 5.9. La Estraro rajtas akcepti demision de estraranoj. La Estraro rajtas per sia decido eksigi estraranon, kiu dum 3 monatoj ne partoprenas en la agado. La Estraro rajtas koopti dum la oficperiodo ne pli ol unu plian estraranon. Demisio, eksigo aŭ koopto de estrarano validas, se por ĝi voĉdonis ne malpli ol 2/3 de ĉiuj estraranoj. |

## FINANCA RAPORTO DE REU 2005 – 2006

La raporto rilatas al 2005 kaj 2006 ĝis oktobro (ankoraŭ ne finita financa jaro). Por fari ĝin pli facile legebla, ĉie, kie tio ŝajnis necesa, estas aldonitaj klarigoj. Iom da ĝeneralaj komentoj sekvas ankaŭ fine de la raporto.

**Kiom estas nun?**

Entute en la kaso de REU je la 1-a de oktobro 2006 estis: 44536,20 rub.

### <u>SPEZOJ en 2005-2006:</u>

**Enspezoj en 2005:**

5500 – kotizoj de 110 IM × 50 rub.
3350 – kotizoj de 134 AM+FM × 25 rub.
900 – kolektivaj kotizoj de 8 aliĝintaj kolektivoj (IMEA, MASI, Murmanska E-klubo, Samara E-klubo, Espero-1, Espero-2, Tiĥvina EK, Vladivostoka EK)
200 – ekzamenoj de ĈALK
45 – donacoj

<u>Sume: 9995 rub.</u>

**Elspezoj en 2005:**

1100 – premio al I.Safonov pro funkciigo de <reu.ru>
1000 – subvencio al V.Ivanov (subtene al lia aktiva interreta laboro, i.a. la projekto "E-novosti")

350 – al klubo, gajninta en la interkluba konkurado
993 – poŝtelspezoj (i.a. por la kampanjo “Esperanto en eldonejojn!”)
500 – vojaĝelspezoj de A.Grigorjevskij (al Moskvo por estrara kunveno en junio 2005)
1432.60 – vojaĝelspezoj de A.Grigorjevskij (al TILE-1 en Soĉi por gvidi rapidkursojn kaj instruistan seminarion)
700 – vojaĝkostoj de J.Karcev (libroservaj aferoj)
3050 – eldonkostoj de Manlibro de REU
1700 – REGo-abonoj por 8 aliĝintaj kolektivoj: 17 abonoj (por ĉiu komencita deko – po unu, kosto: 100 rub.)
1909.88 – pago al UEA por 95 aligitaj membroj
500 – pago por la domajna nomo <reu.ru>

Sume: 13235.48 rub.

**Enspezoj en 2006 (januaro-septembro):**

7680 – kotizoj de 96 IM × 80 rub.
3870 – kotizoj de 129 AM+FM × 30 rub.
6000 – kotizoj de 3 novaj Dumvivaj Membroj × 2000 rub. (La enspezo tamen ne enklalkuliĝas en la kurantajn enspezojn, sed estas metata en la fondaĵon “Dumvivaj membroj”.)
300 – ekzamenoj de ĈALK
1100 – REU-parto de la profito de EoLA en Jelec

Sume: 12950 rub.

**Elspezoj en 2006:**

2100 – REGo-abonoj por 7 aliĝintaj kolektivoj: 14 abonoj (por ĉiu komencita deko – po unu, 150 rub.)
2970 – repagoj por 30 rub. al REGo, por REU-membroj-abonantoj
600 – vojaĝelspezoj de A.Grigorjevskij (al Moskvo por parta estrara kunveno en septembro + UK-preparkunveno)
350 – telefonvokoj, retaĵoj, REU-bulteno, membrokartoj (A.Grigorjevskij)
522 – poŝtmarkoj, kovertoj (M.Ĉertilov) por dissendado de REU-Bulteno kaj membrokartoj
2122.14 – pago al UEA pro 111 aligitaj membroj
474 – pago por la domajna nomo <reu.ru> (15 dolaroj + imposto)
150 – senkotiza partopreno en RET-06 de unu reprezentanto de REU-klubo. (Konforme al la estrara decido, ke po unu reprezentanto de REU-kluboj povos aliĝi al RET senkotize. Kvankam partoprenis reprezentantoj de kelkaj REU-kluboj, nur unu decidis uzi la subvencion.)
1000 – subvencio al V.Ivanov (subtene al lia aktiva interreta laboro, i.a. la projekto “E-novosti”)

*Ĉi-jare REU ankoraŭ devos pagi por produktado kaj dissendado de Jarlibro-*

*2006 kaj okazigi varbkampanjon al iamaj membroj, kiuj ne membris en REU dum la pasintaj du jaroj. Krome okazos "investaj elspezoj", kiel eldonado de la informletero pri RET-07 kaj eldonado de ruslingvaj informiloj pri E-o.*

Sume: 10288.14 rub. (sen estontaj elspezoj)

En la spezojn ne estas enkalkulataj monsumoj pruntitaj aŭ investitaj, rericevitaj kaj repagitaj. Same ne estas prezentitaj en ili la monfluoj en la fondusoj de REU. Por informiĝi pri tiuj bonvolu legi la sekvajn partojn.

## PRI LA ŜULDOJ

**Kasaj ŝuldoj**

En majo 2005, kiam tiu ĉi Estraro estis elektita, al la kaso de REU oni ŝuldis sume 20 mil rublojn. Ĝis oktobro 2006 ĉiuj kasaj ŝuldoj, krom 1 mil rub., estis repagitaj.

**Libroservaj ŝuldoj**

*Jurij Karcev transdonis al REU la plej gravajn ŝuldojn de la LLS-oj – temas pri iama programo de lokaj libroservoj, kiam REU senpage provizis al lokaj grupoj stokojn da E-libroj por enkluba vendado kun posta repago de la ricevita mono. Pli malgrandajn ŝuldojn li retenis por trakti mem.*

La LLS-ŝuldantoj estas: J.Delcov (2315 rub.), A.Butkeviĉ: (4138.6). Pri la ŝuldoj nenio ŝanĝiĝis. Anna Butkeviĉ ne konsentas pri parto de la ŝuldo, sed ankaŭ pri la cetera parto oni kun ŝi ne sukcesis interkonsenti – ĉar ŝi plejparte ne estas atingebla. Eŭgeno Delcov pri la ŝuldo konsentas, sed ankoraŭ ĝin ne repagis.

## INVESTOJ

Alia formo de ŝuldoj estas investoj. En februaro 2006 REU investis 18 mil rub. por eldoni la libron de M.Bronŝtejn "Legendoj pri SEJM". Laŭ la interkonsento, M.Bronŝtejn mem zorgos pri la distrubuado de la libro kaj en februaro 2007 li redonos al REU la monon, ricevotan pro la vendado de la libro. La libro vendiĝas kontraŭ iom pli granda prezo ol la produktokostoj, kaj la gajno estos disdividita inter REU kaj M.Bronŝtejn. En aŭgusto 2006 Mikaelo Bronŝtejn propriainiciate redonis al REU 9500 rub. pro la jam venditaj libroj.

## VAROJ

Al REU apartenas pluraj libraj kaj E-varaj stokoj, deponataj en Ĉeboksari, Moskvo kaj Uljanovsk. Pro lastatempaj problemoj de la Libroservo de REU (la novaj volontulaj libroservestroj en Ĉeboksari ne estas sufiĉe spertaj), nun ne estas plena bildo pri tiuj havaĵoj de REU. Ĉio tamen estas fidinde gardata, kaj post iom da tempo REU espereble havos pli bonan bildon (kaj pli bone funkciantan libroservon).

## FONDUSOJ

REU administras kelkajn fondusojn, kiuj funkcias laŭ propraj regularoj. Tio estas:

– Fonduso "Dumvivaj membroj", en kiu estas deponataj la monsumoj, ricevitaj de la alvenintaj DM-kotizoj. La mono estas deponata en banka konto, en fremda

valuto. Nun en la fonduso "DM" estas 550 eŭroj. La rento de la fondaĵo estas uzata por pagi la servojn de REU al la dumvivaj membroj (nun da ili estas 48). La fonduso kreskis en 2006 dank' al aliĝo de tri novaj dumvivaj membroj: Spartak Tjuljaĥov (Jakutio), Sergej Bronov (Krasnojarsk) kaj Sergej Derevjanniĥ (Moskva reg., Ivantejevka).

– Fonduso "La 2-a jarcento de Esperanto". La fonduso akaparas kapitalon, kies rento estus uzata por iama funkciigo de propra oficejo de REU kaj por pagado de la sekretaria laboro. Momente en ĝi estas 408,6 dolaroj. En 2005 al la fonduso aldoniĝis 39 dolaroj (dank' al kontribuo de B.Kolker), en 2006 ĝi kreskis je 33,6 dolaroj (banka interezo, pro unujara depono).

– Kongresa fonduso, en kiun devus veni profito de REK, kiu siavice devus esti uzata por garantii estontajn kongresojn kontraŭ eventuala malprofito. Post 2000 la fonduso fakte estis forgesita. Ĝi "retroviĝis" dum la preparado de tiu ĉi raporto. Proksimtempe la Estraro de REU devos ĝin revivigi kaj eble modifi por la modernaj bezonoj.

## ANALIZO KAJ KOMENTOJ

La elspezoj de REU en 2005 kaj prognoze same en 2006 iom superas la enspezojn, sed ne danĝere. Kaj se la investoj, faritaj en la aktivigon de REU-agado, efikos, ankaŭ la mono poste iuforme revenos.

Krome necesas diri, ke niaj elspezoj por tiu relative malgranda agado, kiun ni sukcesas efektivigi, estus multoble pli grandaj, se plejparte ĝi ne estus farata de niaj respondeculoj proprakoste kaj volontule. Multaj valoraj laboroj estas farataj de niaj membroj senpage aŭ kontraŭ minimuma pago. La foje pagitaj rekompencoj por la vojaĝelspezoj ofte ne superas duonon de la realaj elspezoj. K.t.p.

En 2006 ni vidas ekzemplon de sukcesa "allogado de eksteraj monfontoj" por plenumo de nia laboro: la televida filmo "Kazaroza" en februaro reklamis E-on en la Unua Kanalo (por ni mem tioma reklama tempo kostus milionojn da rubloj) kaj kvar E-libroj aperis en "AST" en julio kun suma eldonkvanto de 8 mil kaj supozebla produktada kosto ĉ. 200-500 mil rub. Nu, pri "Kazaroza" ni ne "kulpas", kvankam niaj aktuvuloj helpis al ĝiaj kreintoj, sed la kampanjo, ebliginta la eldonojn en "AST", estis plene merito de REU (eĉ financita per kelkcent rubloj).

El pozitivaj ekzemploj de nia propra financa agado mi nomus investon de REU-mono por aperigo de la libro de Mikaelo Bronŝtejn "Legendoj pri SEJM". La projekto estas ĉiurilate utila al REU – ne nur pro la valoro de la libro, sed ankaŭ ĉar la mono de REU, investita en la projekton, havas bonan ŝancon pligrandiĝi aŭ almenaŭ ne esti formanĝita de la intertempa inflacio.

Unuafoje dum kelkaj jaroj estis nemalprofitaj la amasaj aranĝoj de REU (kvankam ne reale amasaj ili estis...). Profita estis EoLA en Jelec, nulprofita – RET-06 kaj profita – OkSEJT-46 (la mono de OkSEJT tamen estas destinita nur por REJM, malgraŭ ke la tendaron en 2006 prizorgis REU).

Tio montras, ke la nuna Estraro sukcesis pozitive influi la ekonomion de REU kaj puŝi ĝin al evoluo. Espereble sekvajare la tendenco plifortiĝos.

***Andrej Grigorjevskij, Prezidanto de REU***

## NOVAJ REU-ALIĜOJ POR 2006

### INDIVIDUA MEMBRO

*Istomina Natalja (Ĉeljabinska reg.)*

### ALIĜINTA KOLEKTIVO

**Moskva EK MASI** (+ 6 membroj): *Besĉastnov Aleksej, Fajzilova Marianna, Jaĉmenjova Anna, Legornev Aleksej, Kokorev Dmitrij, Loseva Aleksandra*

## KOTIZOJ DE REU POR 2007

**Individua kotizo** – 80 rubloj (por eksterrusiaj loĝantoj – 8 eŭroj), inkluzivas la membrokarton, Jarlibron kaj/aŭ Manlibron de REU, REU-bultenon kaj aliajn informojn de REU, voĉdonrajton en REU-Konferenco, rabatojn ĉe uzo de REU-servoj kaj en E-aranĝoj.

**Dumviva kotizo** – 2000 rub. (por eksterrusiaj loĝantoj – 200 eŭroj) – ĉio la sama dum la tuta vivo.

**Familia kotizo** – 30 rub. (la membrokarto, voĉdonrajto en REU-Konferenco, rabatoj ĉe uzo de REU-servoj kaj en E-aranĝoj).

**Rabatita individua kotizo** – nelaborantaj gejunuloj kun la aĝo malpli ol 26 jaroj pagas 50% de la kotizo.

**Subtenkotizoj** (ĉio sama kiel por individua kotizo): *REU-subtenanto* – duobla individua kotizo; *REJM-patrono* – kvinobla individua kotizo.

**Kolektiva membrokotizo** – 30 rub. por ĉiu aligita membro (la aliĝintaj kolektivoj pagas minimume por 5 aligitaj membroj), inkluzivas po 1 ekzemplero de REGo kaj Jarlibro/Manlibro de REU por ĉiu komenciĝinta deko de la aligitaj membroj, aliajn informojn de REU por la kolektivo; la membrokartojn, voĉdonrajtojn en REU-Konferenco, rabatojn ĉe uzo de REU-servoj kaj en E-aranĝoj por la aligitaj membroj.

**Aliĝkotizo** – 160 rub., unufoje pagata de nova aliĝinta kolektivo. La jamaj aliĝintaj kolektivoj ne pagas ĝin. La nova kolektivo iĝas regiona organizaĵo de REU kaj laŭpete ricevas dokumenton pri tio. Se la organizaĵo ne pagas kotizojn por aligitaj membroj dum du sinsekvaj jaroj, ĝi estas konsiderata likvidiĝinta kaj poste devus denove aliĝi.

**Rabatita abono de REGo** – 150 rub. (ekster Rusio – 15 eŭroj), por ĉiuj membroj. La dumvivaj membroj, kiuj pagis sian kotizon en 2001-2003, plu ricevados REGon sen aldona pago.

*Membroj de REU aŭtomate iĝas aligitaj membroj de Universala Esperanto-Asocio, la malpli ol 31-jaraj – ankaŭ de TEJO.*

Aliĝilon, rublajn kotizojn kaj rabatitajn REGo-abonpagojn (poŝtmandate) sendu al: **Чертилову Михаилу Константиновичу, а/я 21, Одинцово-6, 143006 Московская область.** La eŭraj kotizoj pagendas al la konto **reua-p** ĉe UEA. (Pri pliaj pagmanieroj informiĝu ĉe Mikaelo Ĉertilov rete <kasisto@reu.ru>, telefone +7-916-2019437 aŭ poŝte laŭ la supre indikita adreso).

# REJM-info

*kompilita de Vitalij Malenko en la nomo de la Iniciata Grupo*

**Karaj geamikoj!**

Jam delonge en nia kara gazeto REGo ne aperis REJM-info. Ve, unu el kialoj estis vica kelkmonata krizo en REJM. Nun, post la lasta OkSEJT, aperis homoj, kiuj emas ion ŝanĝi kaj, kun via helpo, certe sukcesos. Unu el komencaj gravaj paŝoj estas organizo de Rusia Esperantista Junulara Kongreso (REJK), kiu okazos la 4-6-an de novembro en Niĵnij Novgorod. Ni ŝatus, ke venu maksimume da junaj rusiaj esperantistoj, kio, ve, ne okazis somere en OkSEJT.

En programo de la kongreso estos:

*1. REJM-konferenco;*
*2. Laboro en grupoj laŭ diversaj agaddirektoj;*
*3. Pridiskutoj de aktualaj problemoj en formo de juĝproceso;*
*4. Prelegoj pri E-agado, pri TEJO, historio de SEJM k.a.;*
*5. Kanta-poezia vespero, filmoj en Esperanto, urba ludo kaj diversaj aliaj distraj programeroj vespere.*

Ĉiuj programeroj okazos nur en Esperanto.

Ni invitas al la kongreso: 1. membrojn de REJM; 2. komencantojn, kiuj interesiĝas pri REJM-aferoj kaj strebas ellerni Esperanton (estos multe da reala lingva praktiko); 3. spertulojn, kiuj havas pli ol 30 jarojn, sed pretas helpi pri la programo. Ni tute ne invitas homojn, kiuj ŝatas dum E-aranĝoj nur ripozi kaj bone pasigi tempon aŭ ne ŝatas paroli Esperante.

Dezirantoj aliĝi bonvolu sendi leterojn al la retadreso <malenko@inbox.ru> aŭ telefoni +7-910-440-47-23. Surloka aliĝado ne estas ebla!

La aranĝo okazos en la lernejo numero 154. Aliĝkotizo forestos, same forestos pago por loĝado (venu kun tapiŝetoj, litoj ne estos). Pri kostoj de manĝado ni ekscios poste, sed ili estos modestaj.

Venu kaj aktive partoprenu!

## REJM-KONFERENCO

Dum REJK okazos REJM-konferenco. Dum kelkaj kunsidoj ni provos pridiskuti ĉiujn aktualajn kaj gravajn temojn (la nuna situacio, REJM kaj REU, aliĝado, financoj, kluba agado, laboro kun TEJO, aranĝoj, planoj ktp). Ni planas ankaŭ elekti novan REJM-komitaton. Pro tio estus bone, se dum la konferenco voĉdonu minimume duono de ĉiuj REJM-anoj. Por atingi tion ni proponas uzi ĉisekvan skemon (oni sukcese faris tiel dum kelkaj antaŭaj jaroj): eĉ se vi persone ne sukcesas veni al la konferenco, vi rajtas transdoni vian voĉon al ajna (fidinda laŭ

vi) REJM-membro. Bezonatas nur skribi tion kaj transdoni al la konferenco. Sed ajna REJM-ano dum la konferenco rajtos havi ne pli ol 1 aldonan voĉon. Por klarigoj mi denove proponas sendi viajn demandojn al mia retadreso <malenko@inbox.ru>.

## PRI REJM–MEMBROJ

Por plivastigi liston de aktualaj REJM-anoj ni proponas al dezirantoj aliĝi al REJM sen aliĝkotizo. Sufiĉas nur plenigi ĉi-suban enketilon kaj sendi ĝin al la adreso <rejm@inbox.ru>. La demandon pri kotizoj ni nepre pridiskutos dum REJM-konferenco. REJM-ano povas iĝi persono, kiu havas pli ol 15 kaj malpli ol 30 plenajn jarojn. REJM-ano devas loĝi en Rusio kaj scii la lingvon Esperanto. REJM lasas por si la rajton rifuzi pri REJM-membriĝo kaze de nesufiĉa lingvonivelo.

---

**ENKETILO**

1. Nomo kaj familinomo
2. Kromnomo
3. Retadreso
3a. Retpaĝaro
4. Plena poŝta adreso (kun la urba poŝtkodo)
5. Naskiĝdato
6. Jaro de la esperantistiĝo
7. Cu vi estis iam membro de REJM/REU?
8. Ĉu vi estas membro de iu E-klubo? Se jes, de kiu (nomo de la klubo)?
9. Ĉu vi ricevas iun E-informon danke al retlistoj aŭ paperaj periodaĵoj? Se jes, kiujn konkrete?
10. Kion vi atendas de REJM?
11. Ĉu vi ŝatus esti aktiva membro de REJM (kunlabori kun aliaj aktivuloj) aŭ dume ne pretas?
12a. Bonvolu rakonti iom pri via studdirekto/profesio
12b. Ŝatokupoj
13. Ĉu vi ŝatus ricevi dissendoliston kun novaĵoj pri REJM?
14. Ĉu vi ŝatus ricevi la E-gazeton REGo? (kostas 200 rublojn jare kun sendokostoj)

---

Ĝis nun sekvaj personoj ekdeziris esti membroj de REJM: *Nadeĵda Malenko (Moskva reg.), Vjaĉeslav Ivanov (Sankt-Peterburg), Ljubovj Ĥaritonova (Ĉeboksari), Dmitrij Kokorev (Moskvo), Oljga Ivannikova (Ĉeboksari), Marat Sadikov (Moskvo), Diana Ovĉarova (Tomsk), Julija Solovjova (Ulan-Ude), Anastasija Levitina (Ulan-Ude), Diana Sakajeva (Niĵnij Novgorod).*

Krome, kiel REJM-anoj estas konsiderataj junaj membroj de REU:

***individuaj membroj:*** *Aleksandr Derjugin (Saratov), Gennadij Ĥmelj (Noriljsk), Vjaĉeslav Ivanov (Sankt-Peterburg), Jaroslav Kikavec (Tverj), Aleksej Kozlov (Ni-*

*ĵnij Novgorod), Anatolij Krasnokutskij (Volgograd), Stanislav Kroter (Sverdlovska reg.), Aleksej Kuznecov (Kostroma), Anton Loŝmanov (Komsomoljsk-na-Amure), Vitalij Malenko (Moskva reg.), Marija Medvedeva (Saratov), Konstantin Obrazcov (Tomsk), Aleksej Odincov (Perma reg.), Aleksandr Osincev (Jekaterinburg), Andrej Radionov (Omsk), Aleksandra Sudakova (Uljanovska reg.), Dmitrij Ŝevĉenko (Moskvo).*

***aligitaj membroj*****: Moskva EK MASI** *– Oljga Ĉernisova, Ivan Elit, Anna Gamaleja, Roman Gergeŝan, Jevgenij Gergeŝan, Svetlana Gonĉarova, Oksana Graĵdanova, Kirill Grustnev, Georgij Ĥlobistov, Varvara Ĥoĥluŝkina, Oljga Isajeva, Oleg Izjumenko, Anna Jaĉmenjova, Maksim Ĵitcenko, Dmitrij Kokorev, Julija Komarova, Alla Kudrjaŝova, Aleksej Legornev, Jekaterina Ljubuŝina, Aleksandra Loseva, Jelena Morozova, Natalja Nikolajeva, Dmitrij Nikonov, Anton Ovsjannikov, Anna Paukova, Andrej Penjkov, Ksenija Prilepskaja, Natalja Semjonova, Valentina Sidorova, Stanislav Skrebcov, Anna Ŝtondina, Aleksej Talancev, Oljga Talanceva, Jekaterina Volkova, Nadeĵda Voronova, Julija Zarubina;* ***Vladivostoka E-klubo "Pacifiko"*** *– German Gorbunov;* ***Volgograda E-klubo "Espero"*** *– Dina Guriljova, Marija Ŝaligina, Anastasija Taldikina;* ***Volgograda junulara EK "Venko"*** *– Ilja Ĉugunkin, Anastasija Ĉugunkina, Oljga Ĉugunkina, Igorj Dronov, Viktorija Dronova, Aleksej Kaŝirin, Saule Tikejeva, Valerija Varlamova, Vjaĉeslav Vnukov, Julija Volodina.*

La plena listo de REJManoj estos publikigita en la paĝaro <www.rejm.ru>, en la forumo <www.e-novosti.info> kaj en REGo.

---

## PAKAĴO POR S-INO LEVI

*(tio okazis en Usono, en kvartalo kie loĝas multaj judaj familioj)*

La leterportisto alportas pakaĵon kaj bezonas la subskribon de la ricevanto.

Li sonorigas ĉe la pordo, kaj tiam elfenestriĝas kapo de sinjorino:

– Kio ĝi estas? – ŝi demandas.

– Pakaĵo registrita por s-ino Levi, – respondas la leterportisto.

– Ĉu la volvaĵo estas pordonaca aŭ ordinara?

– Ordinara bruna papero, sinjorino.

– De kie do la pakaĵo venas?

– Hmm, mi vidas ke sendis ĝin la Grandmagazeno George Lewis.

– Ĉu estas tie indiko, de kiu filio de Lewis?

– Jes, sinjorino. Ĝi venas el "Pensilvania Street".

– Ĉu estas indiko, kion ĝi entenas?

– Hmm, jes. Ili skribas, ke tio venas el la departemento de oficeja ilaro. Ĉu nun vi bonvolos akcepti ĝin kaj subskribi la formularon?

– Mi bedaŭras, sed mi ne povas fari tion.

– Kial? – demandas la leterportisto perdante la paciencon.

– Ĉar mi estas s-ino Cohen. S-ino Levi loĝas en la apuda domo.

***(juda anekdoto de Josef Shemer)***

# Eksciu, ke...

## JOHN WELLS EN LA NOVEMBRA MALFERMA TAGO

Prof. John Wells, iama Prezidanto de UEA, estos la ĉefa gasto en la Malferma Tago de la Centra Oficejo de UEA, kies 25-a "eldono" okazos la 25-an de novembro. La ĵusa profesia emeritiĝo de prof. Wells inspiris lin elekti kiel temon de sia prelego "Rigardi malantaŭen, rigardi antaŭen". La Malferma Tago ricevos gaston ankaŭ el Japanio, la lando de la venontjara UK: Usui Hiroyuki alportos salutojn de la Jokohama LKK kaj parolos pri la kongresa temo "Okcidento en Oriento: akcepto kaj rezisto". Krom prelegoj, en la programo estos ankaŭ i.a. prezentado de novaj Esperanto-filmoj kaj diskuto kun Prezidanto Renato Corsetti kaj kelkaj aliaj estranoj de UEA, kiuj kunsidos en Roterdamo en la sama semajnfino.

Kiel tradicie, la vizitantoj povos profiti de rabatoj en la libroservo kaj gajni esperantaĵojn en senpaga loterio. Kafo kaj teo, ankaŭ senpagaj, estos varmaj la tutan tagon. La Malferma Tago daŭros de la 10-a ĝis la 17-a horo.

***(Gazetaraj Komunikoj de UEA)***

## AGO-TAGO EN KIEVO

Membroj de Kieva junulara E-klubo "Ek!", Societo por subteno kaj defendo de ukraina kulturo "Espero" kaj E-klubo KARE kune okazigis Ago-Tagon sur la ĉefstrato de Kievo Kreŝĉatik. Ĉi-foje ni entreprenis sufiĉe originalan manieron. Ĉe la tablo estis fiksita papero kun la skribaĵo: *"Senpage! Mi instruos al vi internacian lingvon Esperanto dum 25 minutoj! Post la unuaj 5 minutoj vi orientiĝos en monda lingva problemo, post la sekvaj 5 minutoj vi konatiĝos kun E-gramatiko, post la sekvaj 5 minutoj vi legos kaj 95%-e komprenos la tekston kaj dum la lastaj 10 minutoj estos responditaj viaj demandoj."* Poste al la interesitoj estis donitaj kontaktindikoj por daŭrigi la parolojn kaj eventuale lerni la lingvon. Ĉe la tablo de M.Lineckij ricevis bazajn sciojn pri la lingvo ĉirkaŭ 15 personoj, kaj ĉiuj aliaj partoprenantoj en la ago vagadis tra la strato disdonante la informmaterialojn (pli ol 150), respondante al multaj demandoj. Konstante ĉe la tablo staris homoj, kiuj kun intereso observis la lecionon. Estis kontaktoj kun interesaj homoj, rezulte de kiuj povos aperi imponaj projektoj.

Estis interese observi dinamikon de la procezo: dum la unuaj 10 minutoj ni enuis tute sen intereso flanke de la preterpasantoj, eĉ aperis penso, ĉu indis veni kaj sidi tiel stulte en centro de Kievo... Sed post la unua interesiĝinto la vico al la tablo estis konstanta, kaj ni ankoraufoje konvinkiĝis pri malnova vero: se fari ion dum iom da tempo senĉese – rezulto nepre venos! Ni pensas, ke simila maniero povas esti efika ankaŭ por aliaj kluboj kaj eĉ unuopaj esperantistoj, kiuj volas plivastigi siaurban E-movadon. Ankaŭ al ni tre plaĉis tiu maniero, do se la vetero permesos, ni nepre ripetos la agon proksimtempe.

***Eugenia Slovaĉevskaja (Kievo)***

## AGO-TAGO EN VIENO

La 7-an de oktobro 2006, je la Ago-Tago 2006, okazis en tuta Aŭstrio la “Longa Nokto de la Muzeoj”, en kiu partoprenis ankaŭ la Esperanto-muzeo. Pasintjare 1025 personoj vizitis la Esperanto-muzeon dum tiu tago, kaj ĉi-jare – 1655, tio estas 630 pli. Tiu ĉi rezulto montras ke interesiĝo por Esperanto kreskis.

***(landa agado)***

## BEF-4 EN KALININGRAD

Balta Esperanto-Forumo estas somera renkontiĝo de esperantistoj el la landoj ĉirkaŭ la Balta Maro. Ĝin iniciatis “La Ondo de Esperanto” kiel kultur-klerigan forumon. Fine de septembro aperis bele presita informilo pri BEF-4, kiu okazos la 21-26-an de julio 2007 en Kaliningrad. Ĉiuj abonantoj de “La Ondo de Esperanto” ricevis ĝin kun la oktobra revuo. La informilo kaj la aliĝilo nun estas ankaŭ en la retpaĝaro de “La Ondo”:

la unua informilo pri BEF-4 <http://www.esperanto.org/Ondo/Bef/Bef4.htm>;
reta aliĝilo <http://www.esperanto.org/Ondo/Bef/Aligilo.php>.

***(esperanto-rus-informoj)***

## LA 19-A “AROMA JALTO”

Ukrainiaj esperantistoj invitas viziti la plej belan urbon de Ukrainio. Ĉi tie vi ripozos anime kaj fizike. En E-etoso, inter belegaj pejzaĝoj vi rememoros pri paradizo. Tio estas “Aroma Jalto”– tradicia E-festivalo. Ĝi pasos dum 29.04-09.05.2007 en la fama krimea kuracloko Jalta. En la programo: seminarioj por Esperanto-instruantoj; diversgradaj lingvaj kursoj; Universitato; ekskursoj, piedmarŝoj; koncertoj; Klubo de gajaj kaj spritaj (KGS)...

La loĝado kostos de 4 ĝis 8 eŭroj tage depende de la komforteco de ĉambro. Manĝado en la bazejo estas 3-foja, kontraŭ 8 eŭroj tage. La aliĝkotizo por rusianoj estas 6 (ĝis 01.03.07) aŭ 10 (surloke) eŭroj. Kontribuantoj al la programo havos rabaton laŭ interkonsento.

Lingva ordo – tradicie severa. Nulaj komencantoj ne estas akceptataj. Dum la registrado ĉiu partoprenanto memstare plenigas la aliĝilon kaj respondas simplajn demandojn.

En la organiza komitato, krom la ukrainianoj, estas Atilio Orellana Rojas, Michela Lipari kaj Marta Kovacs.

La aliĝkotizon necesas sendi al Volodimir Hordijenko ĝis la 1-a de marto 2007. La adreso estas: p/k 35, Kievo-133, 01133 Ukrainio. Kontakta telefono/fakso +38-044-2851701, retadreso <volodimir_h@yahoo.com>.

Bonvenon al E-parolantoj!

> Du amikoj sidas en kafejo.
> – Mi rimarkis, ke ĉiuj homoj havas iujn strangaĵojn, – diras unu el ili.
> – Mi ne havas strangaĵon, – respondas la alia.
> – Ankaŭ vi havas.
> – Kiun?
> – Mi rimarkis, ke vi kirlas teon per la dekstra mano.
> – Sed kio do?
> – Plejmulto da homoj uzas por tio kulereton...
>
> ***(per-esperanto-humuro)***

## BET-43

Litova Esperanto-Asocio invitas Vin partopreni la vicajn ĉiujarajn internaciajn somerajn tradiciajn 43-ajn Baltiajn Esperanto-Tagojn (BET-43).

CELOJ kaj TASKOJ: studi problemojn de Esperanto-movado, elstarigi nuntempajn ĉefajn taskojn de Esperanto-agado, interŝanĝi sperton pri esperantista laboro, perfektiĝi en Esperanto, enhavoriĉe pasigi la tempon. BET okazas ekde 1959 ĉiujare laŭvice en Latvio, Estonio, Litovio. BET-43 estas dediĉata al la 80-jariĝo de Esperanto-movado en Šiauliai.

BET-43 okazos dum la 14-22-a de julio 2007 en la nordlitovia urbo Šiauliai, kiu situas 214 kilometrojn for de Vilnius, 142 kilometrojn for de Kaunas, 165 kilometrojn for de Klaipeda, 128 kilometrojn for de Riga (Latvio) kaj 250 kilometrojn for de Kaliningrad (Rusio). La urbo estas fondita en 1236. Meza temperaturo en Šiauliai en julio estas 18 gradoj da varmo. BET-43 funkcios en la universitato de Šiauliai. La ĉefa kaj sola lokalo de BET-43 estos Fakultato de sociaj sciencoj de tiu universitato (str.Architektu 1), kie estas luksaj kondiĉoj por laboro de BET-43. Partoprenantoj de BET-43 libere povos uzi ĉiujn ejojn kaj servojn de la fakultato (salonoj, aŭditorioj, la plej modernaj teknikaĵoj, muzikiloj, multaj komputiloj kun libera reta aliro k.s.). Šiauliai estas atingebla trajne, buse kaj aŭtomobile.

Aliĝkotizo por la rusianoj estas 40 lidoj, post 31.12.2006 ĝi altiĝos je 15 lidoj, ekde 01.04.2007 – ankoraŭ je 15 lidoj. Infanoj, lernantoj kaj studentoj aliĝkotizon ne pagas. La kotizo pageblas en ajna konvertebla valuto.Unu eŭro egalas al 3,45 lidoj, la kurzo estas konstanta kaj ne ŝanĝiĝas. Por aliĝi necesas plenigi aliĝilon kaj sendi ĝin al Litova Esperanto-Asocio poŝte al *p.k. 167, LT-44287 Kaunas, Litovio;* telefakse al +370-37-228616 aŭ rete al <litova.ea@mail.lt>. Samtempe pagu la aliĝkotizon. Aliĝiloj riceveblas ĉe LEA.

Ekzistas tre diversaj loĝofertoj kun la kosto de 15 ĝis 250 lidoj. En la fakultato estos organizitaj tagmanĝoj, pri la matenmanĝoj kaj vespermanĝoj oni zorgos memstare. En la sama konstruaĵo ankaŭ funkcios bufedo, kie eblos aĉeti manĝetaĵojn kaj trinkaĵojn.

Esperantistoj, kiuj grave kontribuos al la programo de la aranĝo aŭ/kaj signife helpos organize, pro loĝado (krom hoteloj) kaj tagmanĝoj ne pagos.

La programo estos tradicia: somera universitato, paroligaj kaj perfektigaj kursoj, literaturaj aranĝoj, muzikaj kaj artaj vesperoj, debatoj pri la situacio kaj problemoj de Esperanto-movado en Baltiaj landoj, tradukista kurso, pedagogia seminario, seminario de klubestroj kaj aktivuloj, movada lernejo, scienc-teknikaj kaj fakaj aranĝoj, instruado de kantoj, junularaj aranĝoj, konkursoj, kvizoj, distraj programeroj, ekskursoj tra la urbo kaj aliaj apudaj vidindaĵoj, diskutoj, forumoj, libroservo, interkona vespero, diservo, baza konatiĝo kun la litovaj lingvo kaj kulturo, ekspozicioj, filmoj kaj lumbildoj, gazetara konferenco, sportaj ludoj, oficiala malfermo kaj fermo, adiaŭa vespero k.a. Organiza komitato atendas proponojn, sugestojn, ofertojn por la programo, ankaŭ sinproponojn.

Se vi bezonos ricevi litovan vizon, turnu Vin por helpo al Litova Esperanto-Asocio. Se necese, LEA povas sendi oficialan inviton.

Aktualajn informojn pri BET-43 Vi povas trovi en la retejo de Litova Esperanto-Asocio <www.esperanto.lt>, informojn pri la urbo Šiauliai Vi povas trovi en la retejo <www.siauliai.lt> (bedaŭrinde nur en la litova kaj la angla lingvoj), informojn pri la universitato de Šiauliai Vi povas trovi en la retejo <www.su.lt> (same litove kaj angle).

Aliĝ-kontaktadreso: p.k. 167, LT-44287 Kaunas, Litovio, Litova Esperanto-Asocio. La telefono de LEA estas +370-37-208503; telefakso +370-37-228616; retadreso: <litova.ea@mail.lt>.

BONVENON AL LITOVIO !

***Organiza komitato***

---

AKADEMIO DE ESPERANTO

## PRI LA NAŬA OFICIALA ALDONO AL LA UNIVERSALA VORTARO

*oficiala informo de la Akademio de Esperanto*

La Akademio de Esperanto laboras de decembro 2003 pri oficialigado de vortoj en la Naŭa Oficiala Aldono (9OA). En aŭgusto 2006 la Sekcio pri la Ĝenerala Vortaro finis sian laboron pri 9OA per Sekcia voĉdonado, kiu rezultigis Raporton, kiu nun kuŝas ĉe la Estraro de la Akademio. Pri tiu Raporto diskutos la Pleno, kaj poste sekvos laŭplane tut-akademia voĉdonado.

Kiam la Akademio oficialigas radikon, tio formale signifas, ke ĝi aldonas tiun radikon al la Universala Vortaro, kiu estas parto de la Fundamento de Esperanto. Tio tamen ne signifas, ke la radiko fariĝas Fundamenta, ĉar Fundamentaj estas nur tiuj elementoj, kiuj troviĝas en la origina netuŝebla Fundamento. Praktike tia oficialigo havas la karakteron de forta rekomendo. Devige gvidi la lingvouzon la Akademio nek povas, nek volas, sed ĝi esperas, ke ĝiajn rekomendojn la uzantoj de la lingvo atentos kaj trovos utilaj.

En antaŭaj Oficialaj Aldonoj la radikoj kaj vortoj estis klarigitaj precipe per tradukoj en naciajn lingvojn, ĉefe en la kvin naciajn lingvojn de la Fundamento, sed ankaŭ en aliajn lingvojn. Sed oni uzis ankaŭ difinojn en Esperanto, precipe en la Aldonoj Sepa kaj Oka. En la projekto de 9OA uziĝas nur difinoj en Esperanto sen tradukoj nacilingvaj. Multajn el la difinoj akompanas helpaj ekzemploj.

En la nun proponata Raporto pri Naŭa Oficiala Aldono la jenaj 209 vortoj kandidatas por oficialigo:

*adrenalino, agresi, aidoso, akupunkturo, alergio, algoritmo, amebo, amendi, anĉo, Antarkto, antibiotiko, anuso, aperitivo, areo, Arkto, asbesto, aspirino, avokado, bankedo, baskulo, beletro, bemolo, betono, bito, bizono, blufi, boaco, bradipo, brito, brokolo, burokrato, cico, cirkumcidi, ĉampiono, ĉasio, ĉimpanzo, ĉino, defii, delto, demografio, detektivo, dieso, diskriminacii, dizerti, drasta, drivi, ekologio, etikedo, etno, etnologio, etoso, eŭfemismo, eŭkalipto, eŭro, farĉo, feki, festivalo, folkloro, foto, framo, frustri, furzi, galaksio, geno, genro, giĉeto, glisi, grafiko, gujavo, hormono, ideologio, ikso, inflacio, insulino, ipsilono, Israelo, japano, ĵazo, ĵokeo, ĵudo, kalcio, kampanjo, kancero, kanguruo, kapsiko, karoserio,*

*kasedo, katapulto, kibuco, kimono, kiosko, klitoro, klono, kodo, kodekso, kohera, komenti, kompakta, komputi, kondomo, konekti, kooperativo, kramfo, kromosomo, kuo, kurzo, kvakero, kvorumo, lanĉi, lasero, leŭkemio, limfo, magnetofono, majonezo, majusklo, mandarino, mango, manioko, mateo, matrico, melongeno, menstrui, mesaĝo, minusklo, miraĝo, modemo, muldi, nano, omaĝo, organika, orgasmo, pankreato, papriko, pavilono, penicilino, peniso, periskopo, persvadi, petalo, pico, piĵamo, pikniko, pingveno, pisi, poleno, polpo, prestiĝo, prostato, proteino, pubo, pulpo, pundo, radaro, radiografi, rakedo, reĝisoro, rezolucio, roboto, ronĝi, rotacii, ruleto, saksofono, salikoko, satelito, sesio, silicio, skani, skeĉo, skolto, specifi, spekti, stabila, stagni, statuto, stereofonio, stiri, stoko, strangoli, sugesti, ŝalti, ŝenoprazo, ŝoki, ŝtormo, taksio, tanko, tapiro, telepatio, teniso, testo, tonsilo, torturi, transistoro, treti, tribo, tukano, tumoro, unio, Usono, vagino, vakuo, valuto, vando, versio, virtuala, viruso, vitamino, vodko, vulvo, zipo*.

En la Sekcia voĉdonado pri la projekto de 9OA partoprenis 20 el la 32 Sekcianoj. 1 vorto ricevis 16 jesojn. 10 vortoj ricevis po 17 jesojn. 53 vortoj ricevis po 18 jesojn. La ceteraj ricevis po 19 jesojn. Unu Sekciano voĉdonis sindetene pri ĉiuj vortoj. Sekciaj voĉdonadoj estas libervolaj kaj ili ne estas regulitaj de la Akademia Statuto. Ili servas nur por prepari Raporton al la Pleno, kiu poste faras la efektivan decidon laŭ la Statutaj reguloj. La ĉi-antaŭaj vortoj do ankoraŭ ne estas oficialigitaj. Ili fariĝos tiaj nur se ili estos aprobitaj en la preparata tut-Akademia voĉdonado.

Detalaj informoj pri jam oficialigitaj radikoj troviĝas en la TTT-ejo de la Akademio:

<http://akademio-de-esperanto.org/akademia_vortaro/>,

<http://akademio-de-esperanto.org/akademia_vortaro/klarigoj.html#klarigoj>.

***La estraro de la Akademio de Esperanto interkonsente kun la Direktoro de la Sekcio pri la Ĝenerala Vortaro, Bertilo Wennergren***

## INTELEKTA MARATONO EN ODESO

*“Ni frakasu niajn malamikojn inter (...) kaj (...)!” – alvokis Aleksandr Ipsilanti, gvidanto de patrujliberiga sekreta asocio de grekoj en 1814. La preterlasitaj vortoj, kiuj devus stari enkrampe, estas du nomoj de la lokoj de nacia gloro de la greka popolo. Kun ĉiu el tiuj toponimoj estas kunligita iu nombro. Bonvolu indiki tiujn nombrojn.*

Ĉu vi komprenis, pri kio temas? Estas demando el Intelekta Ludo, okupo de multaj gejunuloj de eksa Sovetunio. Pri tiuj ludoj okupiĝas miloj kaj dekmiloj, en nia lando kaj en aliaj landoj, kien enmigris niaj intelektuloj post la disfalo de nia patrujo. Internacia lingvo de tiuj ludoj estas la rusa.

Ĉu vi jam divenis, pri kiuj nombroj temas? Jes, estas 42195 kaj 300; la maratona distanco kaj 300 spartanoj, kiuj defendis la Termopilan defilejon. Simpla kaj eleganta demando, por solvi ĝin bezonatas nur elementaj scioj el la historio... kaj iom da intelekta lerteco. Certe, ĉiuj scias pri la maratona kuro kaj la glora batalo de caro Leonido. Tamen Intelektaj Ludoj bezonas kaj trejnas ne erudicion (kvankam ankaŭ ĝi estas ofte bezonata), sed LIBERON DE PENSADO,

fleksеblecon de psiko, kapablon kompreni interligojn de plej diversaj aferoj kaj agoj; ili plivastigas niajn mensajn horizontojn kaj instruas ne halti antaŭ imagitaj psikaj limoj kaj baroj. “Vi scias, vi povas tion!”, – jen mesaĝo de tiuj ludoj, kiujn mi nomus “ludoj de plenpova intelekto”, ĝuanta sin mem kaj sian forton. En nia mikroskop-analizema tempo ili estas impeto al tutpotenca sintezo, kiun tiom bezonas la mondo.

Do, maratono. Ĉu nur 42195 metrojn? Ne, en Odessa, kiun oni foje nomas ankaŭ intelekta ĉefurbo de Ukrainio, okazas ankaŭ Intelekta Maratono. La demandojn, similajn al la suprecitita, oni respondadas dum sufiĉe longa tempo seninterrompe. La ideo venis al juna odesano, tiam sukcesa disk-ĵokeo Aleksandr Androsov antaŭ kelkaj jaroj. La unua maratono konsistis el nur 100 demandoj; la dua – el 200. La tria Odesa Intelekta Maratono en 2002 daŭris tagnokton kaj konsistis el ĉ. 600 demandoj; partoprenis ĝin ĉ. 60 teamoj el 19 urboj de 5 ŝtatoj. En la kvara Maratono oni dum 28 horoj 15 minutoj respondis al 1001 demandoj; ĝi estis dume la plej longa el ĉiuj. La kvina Maratono estis plena de eksperimentoj: kaj anticipa selekto per Interreto, kiam la teamoj devis dum 2 monatoj solvadi po 1 demando tage kaj respondi rete; kaj speciale aranĝitaj demandosekvoj. Jen estis cento da tre simplaj demandoj, sed respondo bezonatis post 30 sekundoj (mi forgesis diri, ke por ĉiuj demandoj de la Maratono, kaj entute de Intelektaj Ludoj, la respondotempo ordinare estas 1 minuto, por komuna pripensado de 6-kapa teamo), jen cento de speciale komplikaj demandoj (“por ripozo de la ĵurio”), jen cento da demandoj, verkitaj de virinoj...

Interalie, interesa afero: por la ludo, kiu konsistas el respondoj al demandoj, oni devas ja havi tiujn demandojn! Por ricevi 1001 respondojn, oni devas havi 1001 demandojn – sed de kie? Vi vidis jam, ke la demandoj de niaj Intelektaj Ludoj ne estas simplaj demandoj “Kio? Kie? Kiam?”. Kvankam la ludo nomiĝas ĝuste tiel, la demandoj estas same produktoj de alte kreiva kaj fleksebla menso; ili bezonas saman aŭ eĉ pli akran kaj fortan racion, erudicion, kapablon sintezi, vidi komunajn trajtojn en ŝajne neniel proksimaj objektoj. Kreado de demandoj estas tre komplika kaj malfacila laboro; fakte, ĉiu ludanto povas verki demandon, ĉar li laŭ sia propra sperto scias, kia devas esti bona demando. Sed ne ĉiuj kapablas. Ankaŭ por tio bezonatas speciala talento, kaj ekzistas elstaraj “demandistoj”, agnoskitaj kiel tiaj en la tuta ludanta mondo. Kaj kompreneble, ili mem estas spertaj ludantoj, ĉar ne eblas verki bonan demandon, se oni ne trasentas ĝisoste, ĝismedole tiun samtempe pasian kaj racian ludon.

En Interreto ekzistas multaj ttt-ejoj por ludantoj. Okazas ludoj “on-line” kaj konstantaj; en la t.n. “Demandejo de Stepanov” troviĝas pli ol dekmil demandoj, iam ajn luditaj en iuj ajn turniroj, matĉoj, ĉampionadoj, kiuj vere abundas. Ĉiumonate en nia landaro kaj apude okazas 10-15 eventoj, dediĉitaj al Intelektaj Ludoj – same kiel en Esperantujo. Ekzemple, la kvara Mondĉampionado pri IL okazis ĉi-jare julie en Kaliningrad...

Sed nun temas pri la Maratono, kiu estas pure odesa ideo. Interalie, nia Odesa Intelekta Maratono estis proponita por eniri la Guinnes-libron de rekordoj, ĉar la evento estas vere unika. Jam estas senditaj la video-registraĵoj kaj aliĝiloj; nun

estas atendata la respondo de la komitato de la Libro.

La sesa Intelekta Maratono okazis en Odessa la 27-28-an de majo 2006, en la luksa ejo de restoracio de Mara stacidomo. La specifaĵo de multaj Intelektaj Ludoj estas, ke homoj devas pensi kune kaj poste noti sian respondon, do, bezonatas surfaco, al kiu ili apogiĝu, sur kiu metu la paperon por skribi... Ludantoj solvis tiun problemon: bezonatas tablo kun 6 seĝoj! Tial la ludoj ĉiam okazas en ejoj, ekipitaj per tiuj instalaĵoj. Ne pensu, ke ni manĝegas! La interrompoj po 5 min okazas post ĉiu cento da demandoj (ĉ. 4 horoj); do, trinkado-manĝado de alportitaj buterpanoj okazas paralele kun intensa cerba laboro, kaj unu tute ne malhelpas al la alia! Ja "homini sumus, et nihil humani a nos alienum est".

Ĉi-jare ludis nur teamoj, selektitaj dum anticipa Interreta konkurso; el la 40 elektitaj venis 36 – el Ukrainio, Rusio kaj Moldavio. Sonis 555 demandoj, kaj estis prilaboritaj de la ĵurio 555×36=19980 respondoj! Ĉio daŭris de la 11-a matene ĝis la 8-a matene sekvatage. Gajnis la kompilita teamo "Ŝredinbag" (Moskvo-Peterburgo-Odessa); la duan lokon dividis teamoj el Odessa kaj Simferopolo (Krimeo). La teamo "Feniks", kiu duone konsistas el anoj de Odesa junulara Esperanto-klubo "Verdaĵo", okupis nemalhonoran lokon.

Nia klubo jam delonge okupiĝas pri Intelektaj Ludoj, ankaŭ en Esperanto. Ineralie, en la ttt-ejo de Odesa Klubo de Intelektaj Ludoj <www.erudit.odessa.net> vi povas trovi paĝon pri nia "Verdaĵo". Fine de 2004 kaj komence de 2005 estis okazigitaj Intelektaj Ludoj en Interreto, por e-istoj de kelkaj landoj. Unu el tiuj ludoj vi povas vidi en la ttt-ejo <www.ludoj.narod.ru>, kaj eĉ provi solvi ĝin. Eble, ĉi tiel pli multaj personoj aliĝos al tiu belega mondo de rafinita ĝuo, kiu nomiĝas Intelektaj Ludoj.

***Tatjana Auderskaja (Ukrainio)***

---

**MIRAKLA UJO**

Bervala virino dum butikumado rimarkis arĝentan termoson. Fascinite de ĝi ŝi portis ĝin al la komizo por demandi, kio ĝi estas. La komizo klarigis: "Tio estas termoso. Ĝi tenas varmajn objektojn varmaj kaj la malvarmajn – malvarmaj." "Ho, ĉu?! – diris la sinjorino. – Tio estas mirfrapa! Mi aĉetas ĝin!"

Sekvatage ŝi portis la termoson al sia laborejo. Ŝia estro ekvidis la termoson sur ŝia skribtablo kaj demandis: "Kio estas tio?" Fiere ŝi respondis: "Tio estas mia termoso. Ĝi tenas varmajn objektojn varmaj kaj la malvarmajn – malvarmaj." La estro demandis: "Do, kion ĝi nun enhavas?" "Du glaciaĵojn kaj iom da varma kafo," – ŝi respondis.

***(esperanto-anekdotoj)***

# @ ESPERANTO KAJ INTERRETO @

## KIEL KREI ESPERANTAN PAĜARON DUM UNU HORO?

Lastatempe kun kresko de Interreto aperas centoj da novaj paĝaroj pri kaj en Esperanto. Kutime ilin kreas amatoroj, kiuj ne havas sufiĉajn sciojn kaj tempon por okupiĝi pri ttt-ejo. Nun preskaŭ ĉiu esperantista organizo, klubo, amaskomunikilo ks. bezonas propran reprezentejon en internacia komputila reto.

Nun ni, esperantistoj, venis al la revolucia momento en evoluo de interretaj teknologioj. Komence de tiu ĉi jaro internacia teamo, kunlaboranta kun la fama grupo E@I, komencis krei Esperantan version kaj subtenon por konata interreta EMS (enhav-mastruma sistemo), kiu nomiĝas Drupalo, kaj nun ĝi jam estas disponebla por la vasta publiko.

Drupalo estas senpaga EMS-sistemo kun libere disvastigata kodo por facile krei dinamikajn retejojn kaj subteni/administri ilin. Por komenci uzi ĝin ne estas bezonataj specialaj scioj pri programado kaj interretaj teknologioj. Drupalo ebligas rapide krei modernan ttt-ejon, tio povas esti malgranda paĝaro aŭ eĉ grandega retportalo, aŭ interreta butiko. Ĝin povas uzi ankaŭ spertaj programistoj, kiel bazon por siaj projektoj. En Interreto abundas paĝaroj en kaj pri Esperanto, al kiuj mankas bona sistemo por rapide redakti/aldoni enhavon. Pro tio ili ofte stagnas, ĉar ili postulas multoble pli da tempo por subteno kaj ĝenerale limigas la eblojn de kunlaborado.

Drupalo helpas solvi tiun ĉi problemon. Ĝin uzas jam dekoj da Esperantaj paĝaroj, inter kiuj: la retejo de TEJO <www.tejo.org>, Multlingvaj informoj pri Esperanto <www.Esperanto.Info>, Novaĵoj el Rusio <www.rusio.ru>, Esperanto-Ligo por Norda Ameriko <www.esperanto-usa.org> kaj multaj aliaj.

Ĉu vi bezonas krei paĝaron por via klubo/organizo? Uzante Drupalon, vi povas fari tion dum unu horo! Ĉu vi bezonas krei grandan regionan/internacian portalon aŭ interretan butikon? Tiukaze vin helpos aldonaj moduloj por Drupalo, kiuj abundas, kaj vi povos ĉiam trovi la bezonatan kaj taŭgan por via projekto.

Nun esperantistoj ne plu bezonas pensi pri teknikaĵoj por retejoj, necesas fari nur kelkajn agordojn kaj komenci enmeti la enhavon, uzante interfacon, ne pli komplikan, ol ekzemple MS WORD.

Elŝuti esperantan version de Drupalo kaj ricevi informojn kaj konsilojn eblas ĉe <http://www.esperanto.info/drupalo/>. Aliĝu ankaŭ vi!

***kun bondeziroj, Dima Ŝevĉenko (Moskvo),***
***membro de Drupalo-teamo en Esperanto***

# la verda KoRo

*kultura revuo*




## ESPERANTO PERDIS SIAN PLEJ GRANDAN VERKISTON

William Auld, la plej elstara Esperanto-verkisto, forpasis la 11-an de septembro. Li naskiĝis la 6-an de novembro 1924, eklernis Esperanton en 1937 kaj aktiviĝis en la E-movado en 1947, kiam li ankaŭ komencis serioze verki en Esperanto. En la Jubilea Jaro 1987 William Auld estis elektita kiel Honora Membro de Universala Esperanto-Asocio. Profesie li estis vicestro de liceo en la skota urbeto Dolaro.

Unu el la plej konataj kaj fekundaj kontribuantoj al la Esperanta kulturo, Auld aŭtoris, tradukis aŭ redaktis plurajn dekojn da libroj. Li estis inter la plej ofte premiitaj partoprenintoj de la Belartaj Konkursoj de UEA. Lia ĉefverko estas la poeziaĵo “La infana raso” (1956), kiu estas ĝenerale konsiderata la pinta atingo de la Esperanta literaturo kaj kiu pro sia humanisma kaj porpaca mondrigardo fariĝis kvazaŭ “nacia epopeo” esperantista. Aliaj poemaroj de Auld estas “Spiro de l’ pasio” en la kolekto “Kvaropo” (1952), “Unufingraj melodioj” (1960), “Humoroj” (1969), “Rimleteroj” (kun Marjorie Boulton, 1976) kaj “El unu verda vivo” (1978). Liaj kolektitaj poemoj aperis en la volumo “En barko senpilota” (1987). Auld redaktis du eldonojn de “Esperanta antologio” (1958 kaj 1984), la panoraman antologion de E-tekstoj “Nova Esperanta krestomatio” (1991) kaj kelkajn aliajn antologiojn. Li verkis amason da eseoj, artikoloj kaj prelegoj por multaj gazetoj kaj Esperanto-aranĝoj, kaj ili aperis ankaŭ libroforme en “Facetoj de Esperanto” (1976), “Pri lingvo kaj aliaj artoj” (1978), “Enkonduko en la originalan literaturon de Esperanto” (1979), “Vereco, distro, stilo: Romanoj en Esperanto” (1981), “Kulturo kaj internacia lingvo” (1986) kaj “Pajleroj kaj stoploj” (1986). En 1988 aperis lia enkonduko al la Esperantaj lingvo kaj movado “La fenomeno Esperanto”.

Abunda estas ankaŭ la rikolto de tradukoj fare de Auld. Inter ili elstaras “Kantoj, poemoj kaj satiroj” de R.Burns (1977), “Epifanio” (1977) kaj “La sonetoj” (1981) de W.Shakespeare, “Aniaro” de H.Martinson (kun B.Nilsson, 1979), “La robaioj” de Omar Kajam (1980), “La graveco de la fideliĝo” de O.Wilde (1987) kaj la trivoluma “La mastro de l’ ringoj” de J.R.R.Tolkien (1995-1997), kiun li mem konsideris sia traduka ĉefverko, dum plej kara al li estis “Jurgen” de J.Branch Cabell (2001).



Auld redaktis plurajn revuojn, i.a. "Esperanto en Skotlando" (1949-1955), "Esperanto" (1955-1958, 1961-1962), "Monda Kulturo" (1962-1963), "Norda Prismo" (1968-1972), "La Brita Esperantisto" (1973-1999) kaj "Fonto" (1980-1987), kaj kunlaboris kun aliaj gazetoj. Li verkis sennombrajn recenzojn kaj kelkajn lernolibrojn, i.a. "Esperanto: a new approach" (1965) kaj "Paŝoj al plena posedo" (1968). Auld estis vicprezidanto de UEA (1977-1980), membro de la Akademio de Esperanto (1964-1983) kaj ĝia prezidanto (1979-1983). En 1995 Auld ricevis la Premion Deguchi, en 1998 li fariĝis la unua Esperantisto de la Jaro en la voĉdonado de "La Ondo de Esperanto", kaj en 2000 li gajnis la FAME-kulturpremion. Li estis ankaŭ honora prezidanto de Esperanta PEN-Centro. En 1999 William Auld estis unuafoje kandidatigita por la literatura Nobel-premio.

***(Gazetaraj Komunikoj de UEA)***

## NOVA SEZONO EN MLEK

La 25-an de septembro okazis la unua ĉi-sezone kunveno de Moskva Literatura Esperanto-klubo, gvidata de Valentin Melnikov. Ni komencis per omaĝo al la memoro de la antaŭnelonge forpasinta William Auld, la plej elstara el nuntempaj Esperanto-verkistoj, iniciatinto de la Skota Skolo, aŭtoro de famega "La Infana Raso", kandidato por Nobelpremio.

La kunveno mem havis sufiĉe riĉan programon. Klara Ilutoviĉ deklamis du siajn novajn poemojn. Valentin Melnikov sonigis profesian registraĵon de ruslingva "Kanto pri Kaliningrado" (muziko kaj vortoj de Vera Ĉesnokova) kaj poste voĉlegis sian Esperanto-version. Sekvis elpaŝo de Veselin Georgiev, kiu proponis eldoni komunan antologion de bulgaraj kaj rusiaj E-verkistoj. La propono estis vigle priparolita, oni atingis principan interkonsenton kaj ellaboris bazan koncepton. Poste Mikaelo Povorin rakontis pri konata ruslingva bardo Viktor Tretjakov (bone rilatanta al Esperanto kaj eĉ elpaŝinta dum la junulara programo de UK en Florenco) kaj kantis du ties kantojn en sia traduko. Krome, Mikaelo kantis unu sian kanton laŭ vortoj de Klara Ilutoviĉ kaj ankoraŭ unu – plene originalan kaj novan.

Kiel kutime, funkciis la butiko kun vasta sortimento de libroj kaj diskoj (Mikaelo Ĉertilov).

Do, la vespero vere agrablis kaj utilis, eblas nur bedaŭri, ke ĉeestintoj ne multis. Ni kore invitas ĉiujn homojn – vere interesiĝantajn pri Esperanto kaj komprenantajn, ke E-o estas ĉefe riĉa internacia kulturo, sed ne nur etosumado – viziti nian literaturan klubon en la lasta lundo de ĉiu monato, laŭ la vaste konata adreso de "*Justo*".

***Valentin Melnikov (Moskvo)***

## IBERIAJ FERIOJ

Jen ankoraŭ unu somero pasis… Preskaŭ ĉiu en nia malvarma lando ŝatas tiun ĉi sezonon. Kaj multaj planas ĝin delonge. Mia somero ĉi-jara estis planita pli ol unu jaron antaŭe. Do, nenion nekutiman ĝi antaŭvidis: E-instruado en Gresillon (Grezijon), Francio kaj, probable, vica veturo tra tiu ĉi lando. Kaj jen mi startis, kaj ĉio disvolviĝis laŭplane: tranoktado en Germanio, en Saarbrücken (Zaarbrjuken),

kiu akceptos dum Novjarŝanĝo partoprenontojn de IF-o, restado en Parizo, alveno al la kastelo. Aĥ, mirinda kaj kara al mia koro E-Kulturdomo! Kiom multajn somerojn mi pasigis en ĝi instruante kaj samtempe ripozante, parolante kun diversaĝaj kaj diversnaciaj geesperantistoj, ekskursante al allogaj ĉirkaŭaĵoj kaj vizitante reĝajn, fabele aspektajn kastelojn de la Luarvalo, gustumante aromajn vinojn kaj neripeteblajn francajn fromaĝojn! Io nekutima evidentiĝis pli poste…

Dum unu el staĝoj venis al Gresillon geedza paro el Portugalio kaj enskribiĝis al mia (paroliga) kurso. La grupo estis internacia, do ĉiu ĝia partoprenanto rakontis pri sia lando kaj sia loĝloko. Kaj preskaŭ ĉiu volus vidigi ilin al geaŭskultantoj. Sekvis propono viziti Portugalion ankaŭ de Miguel (Migel) kaj Manuela Boieiro – tiel nomiĝis miaj portugalaj gelernantoj. Kaj tiu ĉi propono vere pensigis min pri vizito al tiu lando, kie mi neniam estis. Ĉu veturi? Kelkajn tagojn pli poste mi redemandas ankoraŭ heziteme la paron pri realeco de mia alveno, se mi tamen decidos... Iom da pridiskutoj kaj mi decid(iĝ)as.


*la kukoj en Gresillon*

Jam delonge mi intencis vojaĝi al Iberio (mi antaŭvidis ĉiam nur Hispanion, kiu najbaras Francion, des pli ke tie loĝas miaj grezijonaj gelernantoj de antaŭaj jaroj). Sed Portugalio... Neniam en mia kapo aperadis eĉ penseto viziti ĝin! Tamen, kial ne? Mi havas tempon, iom da mono, grandan deziron ekvidi nekonatan al mi landon kaj inviton de konataj jam geesperantistoj. Do, mi rapidas al interretejo por ekscii la horaron de trajnoj ĝis Lisbono (Lisboa en la portugala) kaj prezojn de biletoj.

La staĝo, kiun partoprenis la geportugaloj, finiĝis. Alvenis novaj gekursanoj. Tamen mi restis en reta kontakto kun Miguel kaj Manuela, kiuj pli kaj pli engaĝigadis min al malkovro de ilia hejmlando. Ne planita kaj ne antaŭvidita anticipe vojaĝo: ĉu mi sukcesos iom kompreni la historiplenan landon kaj multfacetan ĝian vivon dum kurta tempo? Kion mi scias pri ĝi? Ĝian situon, kiun lingvon parolas la popolo, la nomon de la ĉefurbo, kaj ankoraŭ aperas en la memoro la nomoj de la tutmonde konata Vasko da Gama, vino de Porto (portovino), fama futballudanto Ronaldo... *(verdire, li estas brazilano – la red.)* kaj fakte plu nenio.

De Tuluzo, kiun mi finfine atingis post multfojaj invitoj de JoMo kaj de ceteraj tuluzaj geesperantistoj kaj kie mi pasigis kelkajn aŭgustajn tagojn, mi trajnis al la hispana landlimo ĉe Atlantika oceano. Unuafoje ekviditaj Pireneoj ne tiom impre-




*Orienta stacidomo en Lisbono*

sas, kiel multe pli altaj Alpoj. Tamen ankaŭ ilin mi "konkeras", kvankam trajne. Apudeco de la oceano kaj supermara alteco iom ŝanĝas veteron: mi havas impreson veturi ne al sudo de la kontinento, sed al la aŭtuna Rusio kun grizaj nuboj, vento kaj malvarmo. En la stacidomo de la hispana landlima urbo Irun maljuna kasisto montras nedeziron kompreni min, prononcante: "No comprendo frances". Tamen mi nepre volis esti komprenata por aĉeti kuŝlokan bileton por malsupra breto, ĉar veturo dumnokta estis daŭronta preskaŭ 12 horojn. Post insistaj klarigoj mi sukcesas.

La nokto en la trajno pasis rapide. Kun priskribita itinero en la mano mi paŝas sur la kajo de moderna neordinare vasta, plensuna Orienta stacidomo de Lisboa. Trovi la bezonatan bushaltejon estis senprobleme: tiom preciza estis la vojinformo de Miguel. Kaj jen mi startas al Alcochete (Alkoŝete), kiu troviĝas je 20 km for de la ĉefurbo trans la 16-kilometra ponto je la nomo de Vasko da Gama. Ĝi estas la plej longa en Eŭropo.

Post duonhoro mi jam estis sur la sojlo de miaj gelernantoj. La domo de Miguel kaj Manuela – duetaĝa blankkolora kun alta palmo kaj du olivarboj, videblaj de malproksime – staris ĉerande de Alcochete. Manuela estis hejme kaj klopodis en la kuirejo. La apuda tablo jam estis servita por la tagmanĝo, al kiu, supozeble, la mastroj atendis pliajn gastojn. Iom poste aperis Miguel, kiu nepre deziris, ke mi vidu ilian ĉedoman ĝardenon-legomejon. En ĝi buntis floroj, ruĝis grandaj tomatoj pretaj eksplodi pro sia matureco. Same maturaj figoj kaj vinberoj alloge gustumindus. Malantaŭ la domo en kaĝo gaje klukis kelkaj kokinoj. La unuaj ĝensentoj pasis rapide, ĉar ambaŭ ili, Miguel kaj Manuela, estas tre simplaj kaj simpatiaj personoj. Kaj jen aperis aliaj gastoj – bonaj geamikoj de la familio. Al mia ĝojo, unu alveninta paro parolas france, kaj ni povas pli facile interkompreniĝi por ne tedi al la mastroj interpreti. Post salutvortoj kaj aperitivo en la salono kun "Porto" kaj aliaj alkoholaĵoj ĉiuj altabliĝas. La kutima festmaniera okcidenteŭropa tagmanĝo enhavas multajn pladojn: mi kun intereso kaj plezuro ne nur gapas nekonatajn manĝojn, sed kuraĝe gustumas ilin, unu el ili – melono kun bukanita ŝinko. Apenaŭ la gastoj foriris, Manuela petis min urĝe revestiĝi. Por kio? Evindentiĝis, ke ni devas iri en la urbodomon.

Rapidante tra la stratoj, surŝutitaj je sablo (?!), mi bedaŭris, ke surmetis la ŝuojn kun pintaj kalkanumetoj. De loko al loko aperadis trotuarspacoj, al kiuj mi saltetis, kiel al savinsuletoj, kaj sur kiuj eblis paŝi iom pli facile, sed nur iom, ĉar la trotuaro estis pavimita per kvadrataj ŝtonetoj, kiuj malebligis senprobleman marŝadon. Pli

poste mi konstatis, ke la tuta Portugalio havas samspecajn pavimojn.

Miguel dum 19 jaroj estis la urbestro de Alcochete. Antaŭ 4 jaroj li ekspostenîĝis, tamen daŭre aktivas en urba Asembleo kaj en multaj aliaj sociaj organizaĵoj. Manuela ankaŭ partoprenas en urba socia aktivado. Pro tio (aŭ dank' al tio?) ni aliĝas al oficiala akcepto de la nuna urbestro okaze de la festo. La iom pli ol 30-jaraĝa urbestro ekvidinte min prononcas kuraĝe "Saluton!", la vorton, kiun lernigis al li Miguel. La urbodoma respondeculo pri kulturo vere estis interesita pri la lingvo kaj nia movado, kaj eĉ promesis eklerni Esperanton. Parolante france li klarigis, ke dum sia ĵusa vizito al Florenco li estis surprizita vidi multajn homojn surstrate portantajn E-kongresŝildojn. La tuta skipo de la urbodomo vestita en kostumoj (kompatinduloj: ekstere +35!) defilis tra la urbaj stratoj, vizitante diversajn profesiajn kaj amatorajn meti- kaj pentraĵekspoziciojn, trinkante kaj manĝante la proponitajn bongustaĵojn (ĉu vi imagas la guston de daktiloj kun fromaĝo?). Surmetinte la decan vestaĵon por la ceremonio, mi ankaŭ stoike suferis pro la varmeco, des pli ke ne ĉiu ejo enhavis klimatizilon.

La solena parto de la festo finiĝis per hisado de naŭ diversaj flagoj sur la ĉefa placeto de la urbo. Miĝuel hisis la flagon de EU. Do, tiel komenciĝis la tradicia aŭgusta festo en Alcochete "Festas do Barrete Verde e das Salinas", la festo de verdaj ĉapeluloj kaj de salo, kiu havis tre riĉan kaj allogan programon. Vespere la urbo, bele ornamita per diverskoloraj lampoj, lampionoj kaj rubandoj, plenplenis je homoj: ne nur loka loĝantaro, sed ankaŭ alvenintaj el najbaraj urboj kaj urbetoj gastoj ĝuis la varman vesperon kaj festan etoson rigardante la koncerton de ensemblo, plenumanta folklorajn kantojn kaj dancojn. La sekva nokto estis sendorma, ĉar laŭprograme ni rigardis la kuradon de taŭroj tra la stratoj (ĝuste pro tio sur la stratojn oni ŝutis sablon). Kelkaj bravemuloj, precipe junaj, kvazaŭ sentime promenis atendante alvenon de taŭro – senkonscia konduto aŭ ŝajna kuraĝo?! Lastmomente, je proksimiĝo de taŭro ili evitadis ĝian kornpuŝon saltante trans ĉiemetitajn barilojn. Tamen ĉiujare okazas akcidentoj ĉi-rilataj, iam eĉ mortigaj. Ĉi-foja festo, bedaŭrinde, ne estis escepto.

La nokta urbo similis al formikejo – ni apenaŭ povis antaŭeniri en diversaĝa tumulto, des pli ke homoj salutis unu la alian interkisiĝante, interŝanĝante kelkajn vortojn: en malgrandaj urboj preskaŭ ĉiu konas unu la alian. La pinta momento de la festo – sardinoj. Multaj kafejoj kaj restoracioj instalis kradrostilojn surstrate. Ĝiaj mastroj kaj kelneroj serveme bukanis freŝajn fiŝojn kaj gustumigis ilin al ĉiuj dezirantoj senkompense. Aldone oni proponis ruĝan vinon el bareloj kaj kartonaj pakaĵoj



*enurba komuna tagmanĝo*

aŭ iun dolĉan trinkaĵon. Ĉe iu kradrostilo oni gaje ridis, ĉe alia – sonis gitaro, ĉe la tria aŭdiĝis kanto. Imagu, kiom da sardinoj estis formanĝitaj kaj kiom da vino estis fortrinkita dum tiu ĉi neordinara nokto! Kontentaj kaj lacaj pro la festa etoso ni revenas ĉirkaŭ la 4-a horo. La sekvantan matenon, ne tre fruan, la urbo aspektis dezerta: videblis nur raraj pasantoj kaj municipaj purigistoj, kiuj balais la stratojn. Tamen konsiderinda homamaso troviĝis ĉe la rivero Tejhu, kie konkuris ŝatantoj de aerkusenaj motorcikloj.

Unu el amikoj de la familio donacis pro mia alveno la biletojn al korido de taŭroj – taŭrado (Corrida de Toiros). Kaj mi kun dankemo kaj antaŭĝojo akceptis la inviton. Por mi estis granda ŝanco ekvidi propraokule veran koridon. La loka koridejo troviĝas sufiĉe proksime al la domo de miaj gastigantoj. Dimanĉan vesperon mi kaj Manuela eksidas antaŭĝue sur centraj subtegmentaj lokoj (je la 18-a horo ankoraŭ tre varmas en Portugalio). La apude sidanta urbestro kun sia eskorto denove salutas min Esperante, kaj de tiu mometo mi kromnomis lin "sinjoro Salu-



*la taŭrado komenciĝas*

ton", nur iom pli poste mi eksciis lian nomon: Luis Miguel Corraco Franco. La taŭrado lasas neforgeseblajn impresojn. La afiŝo anoncis, ke en ĝi partoprenas ses kvarjaraj taŭroj, kiuj pezas proksimime po 550 kg. Feliĉe, dum portugalaj koridoj oni ne mortigas taŭrojn, diference de la hispanaj. La taŭrado, organizata ĉi tie, estas duparta spektaklo. Post la impona eliro de bele vestita loka orkestro, kiu ludis la himnon de Alcochete kaj tiun de Portugalio, sekvis majesta sinprezento de ĉevalrajdantoj – kavaliroj (cavaleiros) kaj matadoroj (matadores), varme akceptitaj de la ĉeestanta publiko. Kaj poste komenĉiĝis la taŭrado mem. La lerta rajdado de kavaliroj kaj ilia profesieco entuziasmigis la publikon, kiu emocie reagis kaj forte aplaŭdis. Sed dum la dua parto unu el kavaliroj ne sukcesis lacigi taŭron pro ties netipa konduto – la agresema taŭro tre atente observis la kavaliron kaj la ĉevalon, la intervenantajn matadorojn – kaj tio kaŭzis certan streĉon por ĉiuj: la publiko silentiĝis… De foj' al fojo mi fermis la okulojn por ne vidi tion, kio okazas sur la areno: kelkaj situacioj estis vere danĝeraj por homoj, kiuj troviĝis tiumomente sur

la areno. Matadorojn ni kutime imagas kiel homojn, kiuj incitas taŭrojn. Sed evidentiĝas, ke per rozkolora mantelo matadoroj trankviligas ilin. Fine, 8 bravaj taŭroprenantoj (forcados), havantaj siaspecajn kostumojn kun verdaj ĉapeloj surkape, kaptas la taŭron: unu el ili saltas al ĝiaj kornoj, alia tiras la taŭran voston por malfortigi la beston, aliaj ĉirkaŭas saltante sur ĝin. Tre danĝeran ŝatokupon tiuj viroj elektis!

La festo daŭris 6 tagojn, kaj ĉiu el ili havis vidindajn tipe portugalajn programerojn: ĉu katolikan religian procesion, ĉu koncerton je tri gitaroj (portugalaj 4- kaj 12-kordaj, klasika – 6-korda) aŭ tiun de blovorkestro, ĉu profesian aŭ amatoran plenumon de famaj faduoj, ĉu lokan foiron, ĉu spektaklon, kiu reprezentis la tutan feston, dum kiu la urbestro honoris kelkajn urbanojn pro diversaj iliaj meritoj, i.a. ankaŭ la plej kuraĝan verdĉapelulon. Eĉ miniatuara taŭrado okazis dumspektakle, en kiu aktoris, krom plenkreskuloj, ankaŭ infanoj kaj… taŭrido. Kaj jen la festo finiĝis. Kronis ĝin meznokte malhisado de la flagoj kaj diverskoloraj piroteknikaĵoj.

Iun posttagmezon en akompano de Miguel kaj Manuela mi veturis al sportejo de la komunumo, kiu enhavas 7 futbalkampojn (5 el ili estas kovritaj per artefarita herbo) kaj sporthalojn, ekipitajn per trejniloj, kun vestejoj kaj duŝejoj. La tagoj kuregis unu post la alia plenigitaj je diversaj aktivaĵoj, sen kiuj ne povas vivi Manuela kaj Miguel: jen ni kun iliaj sampartianoj kunvenas en ombro de surstrata kafejo por komuna tagmanĝo, jen ili veturigas min al fajrobrigada servo por preni kelkajn informojn pri la funkciado de la portugala fajrobrigada sistemo, kio estus utila por mia profesia laboro.



*en surstrata kafejo*

Unu el deziroj de mia vojaĝo al Portugalio estis viziti Lisbonon. Ni provis kontakti unu esperantiston, kies edzino estas rusianino. Bona okazo konatiĝi kun la urbo! Sed miaj antaŭĝojoj estis vanaj. Post mia retmesaĝo kaj eĉ telefona interparolo kun la redaktoro de "Nia bulteno" (8-paĝa informa bulteno de Portugala E-Asocio, aspektas iom pale kompare al REGo) kaj samtempe vicprezidanto de PEA Antonio Martins-Tuvalkin la renkontiĝo ne okazis. Strange! Eksterlandaj geesperantistoj estas "raraj birdoj" en Portugalio. Kio malebligis al Antonio veni al la renkontiĝo – restis enigmo. Iom konfuzite sentis sin Miguel, kiu sugestis ĉi renkonton. Ĝenerale, aŭgusto estas feria monato en Iberio, do trovi aliajn geesperantistojn estis malfacile, des pli ke ili ne estas multnombraj en la lando. Nur la E-instruanto de Miguel kaj de Manuela, Cosme Resina, restis surloke, kaj ni havis tre simpatian

renkontiĝon surstrande, kie li kutime pasigas antaŭtagmezojn en ombro de tiea kafejo. C.Resina, 83-jarulo, esperantistiĝis antaŭ 40 jaroj. Li estis tre emociita pro nia E-konversacio: la unuan kaj la lastan fojon li parolis kun eksterlandanoj antaŭ multaj jaroj en Hispanio. Cosme surprizis min per korekta, bonstila kaj vigla Esperanto.

Do, kelkajn sinsekvajn tagojn mi pasigis en Lisbono promenante sola laŭ la indikoj de Manuela kaj Miguel. Fine de la unua tago mi iom misvojis ne trovinte tuj la haltejon en iu el grandaj placoj de Lisbono: lokanoj mem ofte ne scias ĝustan vojon, sed, dezirante helpi, eraras. Necesas mencii, ke en Portugalio, malgraŭ ĝia najbareco kun Hispanio, multaj homoj bone komprenas aŭ parolas france: tradicie ĉi tie oni lernis la francan lingvon, kiel la unuan fremdan lingvon, sed nun pli kaj pli envenas la angla. Iun tagon la vetero malboniĝis: ekblovis sufiĉe forta kaj iom malvarma vento kaj eĉ pluvetis. Ĝenerale, averaĝa somera temperaturo estas +22 – +27. Tiutempe en Rusio estis pli varme ol tie ĉi, des pli apud Volĵskij, kie sub varma suno ardis kaj bolis diskutoj pri ekzisto de REU!

Relative friska vetero ne malhelpas konatiĝi kun la antikva ĉefurbo de Portugalio, kiu konis invadon de visigotoj kaj araboj, romianoj kaj hispanoj. Sur ĝiaj stratoj paŝis Vasko da Gama, Kolumbo kaj Magelano. Nun pri tio kaj multo alia rakontas arkitekturaj kaj historiaj monumentoj. Certe, ne sufiĉis tempo por ĉion vidi, tamen mi uzis la turistan buson por ĉirkaŭveturi la urbon. Dum 10 tagoj de mia restado en Portugalio eĉ en turistaj lokoj la rusa lingvo ne aŭdiĝis, tial, eble, mi ne trovis ruslingvajn informojn en turismaj oficejoj. Tiam mi provoke demandadis: “Kaj en Esperanto?” Iuj oficistoj senhezite respondadis: “Ne”. Kelkaj ĉiĉeronoj scivolis: “Kio ĝi estas, Esperanto?”. En Lisbono mi ne preterlasis la okazon veturi per la tipa preskaŭ antikva unuvagona tramo, kiun tiom ŝatas eksterlandaj turistoj. Estis interese viziti ankaŭ la urbon Sintra –“perlon” de Portugalio – kiu troviĝas ĉe la Atlantika marbordo kaj kiu mezepoke estis somera rezidejo de portugalaj reĝoj. Veturante alidirekte de Lisbono survoje al Setubal, banloka kaj samtempe industria centro, sur la monteto oni vidas la vizitindan malnovan araban fortikaĵon de Palmela. Aleo de “altstaturaj” palmoj mirigas per siaj suprenkunligitaj kronoj. Ĉiuj tiuspecaj palmoj en Portugalio estas venigitaj el Afriko, kaj por ilia enradikiĝo oni ŝnuras la branĉojn.

La lastan tagon de mia restado en Portugalio mi vizitas kun Manuela kaj Miguel du muzeojn de Lisbono. En tiu je la nomo de C.Gulbenkian (K.Gulbenkjan) estas eksponataj ĉefverkoj, kolektitaj de la nafta magnato mem. Kelkaj el ili datiĝas je 2800 jaroj antaŭ nia erao. La kastelo de Sao Jorge (Sankta Georgo), al kiu malrapide grimpis la buseto, estis konstruita sur la plej alta pinto de la urbo. De tie perfekte videblas la belega panoramo de la urbo kaj ĝiaj la plej malnovaj kvartaloj. Ankaŭ ĉi tie Miguel senlace klarigadis al oficist(in)oj pri la lingvo, kiun ni parolis.

Por reveni hejmen mi devis traveturi Hispanion. Do, mi profitis la okazon viziti ankaŭ la alian Iberian landon. Sufiĉe longe mi ne povis trovi gastiganton. Ĉiuj miaj konatoj ne atingeblis: ankaŭ en Hispanio oni ferias forlasante la landon por eviti altajn temperaturojn. Tamen, mi bonŝancis...

La veturo al Madrido estis planita per taga buso (pri tio insistis Manuela) por ke

mi povu pli bone vidi la iberiajn pejzaĝojn. Tre komforta kaj larĝa busfotelo kun klimatizilo provokas dormeton, des pli ke tiom glata estas ŝoseo, ke oni ne sentas radskuon. Tamen vigla diversstila muziko en la aŭskultiloj, per kiuj estas ekipita ĉiu loko, kaj alloga pejzaĝo direktas miajn okulojn transfenestren. Ili "fotas" kaj tiamaniere memorfiksigas porlonge vitejojn kaj pomarbajn kampojn, ebenaĵojn kun paŝtataj ŝafoj kaj bovinoj, montetojn kun sovaĝaj olivarboj, kurbajn turnojn kaj rektliniajn aŭtoŝoseojn, ege bluan ĉielon kaj la senkompatan aŭgustan sunon.

En madrida busstacio min renkontas Manuel Pancorbo (Pankorbo), kiun mi apenaŭ rekonas. Ni konatiĝis en Gresillon en 1997, kiam li lernis en unuagrada kurso, paralela al la mia, duagrada. Nun Manuel estas ne nur bone E-parolanta juna viro, sed ankaŭ aktivulo de landa E-movado: li redaktas "Boletin"– bultenon de Hispana E-Federacio. Veturante al Galapagar, kie loĝas Manuel kaj kiu iom foras de Madrid, ni babilas memorante nian komunan restadon en la kastelo, nian renkonton dum UK en Montpellier (Monpelje) kaj iom pri ĉio. Mi havas nur 3-4 tagojn por konatiĝi kun la hispana ĉefurbo, pro tio ĝis malfrua nokto mi pridiskutas kun




Manuel kaj Coral (Koralj), lia edzino, itinerojn de mia madridumado. Ambaŭ miaj gastigantoj laboras dumtage, do mi vagados sola. En Madrid funkcias ankaŭ turista buso, kie riceveblas klarigoj en la rusa lingvo. Tuttage ĝi ĉirkaŭas la urbon, kaj ĝin eblas forlasi en iu ajn haltejo promenante en certa kvartalo, kaj poste denove enbusiĝi daŭrigante vojon al alia interesa loko en la urbo. Do mi uzis tiun ĉi buson por ĉirkaŭrigardi la hispanan ĉefurbon.

Vespere Manuel sukcesis kontakti iun el madridaj E-istoj, Alejandro Pareja (Alehandro Pareha), kiu volonte konsentis sekvatage akompani min al la fama muzeo "El Prado". Coral desegnis surpapere verdan stelon kun mia antaŭnomo. Alejandro venis kun E-revuo en la manoj kaj E-ŝildo. Tiom bone ekipitaj ni ne riskis preteriri unu la alian! Profesia tradukisto el la angla, Alejandro tre rapide ellernis Esperanton kaj jam 4 jarojn lerte praktikas ĝin trovinte inter ĝiaj uzantoj multajn novajn kaj interesajn geamikojn. Post la vizito al la muzeo, kie ni sukcesis ankaŭ ekvidi la ekspozicion de Picasso-pentraĵoj, tagmeze ni sidas en tipa trinkejo gustumante senalkoholan bieron kaj priparolas vesperan renkontiĝon. Sed mi intencas antaŭ la vespero viziti la reĝan palacon, kaj Alejandro helpas al mi orientiĝi en la urbo. En "Real-Palacio" mankas (denove!) informoj en la rusa lingvo (kaj en Esperanto ankaŭ!). Konstruita en klasika baroko sub franca kaj itala influoj laŭ

principo de kvarangula fasado, la reĝa palaco havas ĉiujn flankojn fakte egalaj. Do, provizita de franclingva parolhelpilo mi transiras de unu riĉe ornamita ĉambro al alia, de porcelana salono al la trona, admirante surplafonajn skulptaĵojn, enormajn spegulojn kaj kelktunajn lustrojn ktp.

Je la sesa kaj duono en la fiksita punkto en centro de la urbo mi renkontiĝas kun Alejandro kaj Aurea, komencantino. Ili pretas montri al mi lokojn, kiuj ne ĉiam estas atingeblaj por ordinaraj turistoj. Ni iras laŭ malnovaj stratoj, atingas la placon Major, kies fondiĝo estas ligita kun la nomo de Filipo la Tria. 136 kvarnivelaj samstilaj domoj kun 437 balkonoj estas kunligitaj kaj formas grandegan kvadraton. Ĝuste ĉi tie okazis diversaj festoj kaj eventoj: turniroj, luktoj de bovoj, proklamoj kaj geedziĝoj de reĝoj, ekzekutoj, popolaj festoj. Ankaŭ nun la placo restas loko de renkontiĝoj kaj de promenoj. Aparte viglas la vivo sur la placo dimanĉan matenon, kiam sub arkoj funkcias bazaro de antikvaj poŝtmarkoj kaj moneroj. Iom lacaj pro la longa, tamen riĉiga promeno, ni eksidas en surstrata kafejo kaj gustumas iom ebriigan sandrijon, tre freŝigan trinkaĵon kun pecoj de diversaj fruktoj. Telefonas kaj atingas nin ankoraŭ unu esperantisto, Felix Lobe (Feliks), kiu ĵus liberiĝis post labortago. Bona kompanio ne preterlasis la okazon fotiĝi sur la fono de unu el madridaj katedraloj.

Alian tagon buso veturigas min al Toledo, antikva hispana ĉefurbo. Ĝi distancas unu horon de Madrid. Promeni laŭ pavimoj de malnova urbo kun mallarĝaj stratoj estas malfacile: ŝtonoj kaj ŝtonetoj dolorigas la piedojn, kiuj senlace paŝas kaj paŝas. Tamen indis viziti kaj la antikvan katedralon superantan ĉiujn konstruaĵojn en Toledo, kaj la kastelon, kaj la etan preĝejon de Santo Tome (Sankta Tomaso), kie estas eksponata unu el famaj pentraĵoj de El Greco “El Entierro de Senor de Orgaz” (El Greko “Enterigo de la Sinjoro de Orgaz”).




Interurbaj busoj estas relative malmultekostaj en Hispanio, kompare kun trajnoj. Des pli ke, se veturi dumtage, la vojaĝo iĝas plezuriga. Ĝis Zaragoza (Saragosa) la buso duonplenas, sed poste – ĉiuj lokoj estis okupitaj: ĉu en Hispanio ĉiuj vojoj kondukas al Barcelona (Barselona)? Je la kvina posttagmeze en katalunia stacidomo min renkontas Ramon Perera, unu el miaj Gresillon-lernantoj, kiun mi konas pli ol 15 jarojn. Profitante la longan someran tagon ni ekiras al la urbo. Tute apudas la daŭre konstruata kaj tre kurioza laŭforme katedralo “Sagrada Familia” (Sankta Familio), kies talenta aŭtoro estas arkitekto Gaudi. Senĉese alvenas busoj al tiu ĉi

loko, kaj diverslandaj turistoj rigardas, fotas, filmas la faman multpintan templon. Tage homoj subsune staras envice por eniri ĝin. Tamen, nun Ramon volas nepre montri al mi alian allogaĵon de la vespera Barcelono. Veturante per moderna metroo ni eliras sur la "Placa d' Espanya" (placo de Hispanio). Antaŭ ni, sur la monteto, videblas la majesta konstruaĵo de arkivejo, kaj el post ĝia kupolo naŭ (laŭ kvanto de literoj en la vorto Barcelona) suprenprojekciitaj lumradioj formas kvazaŭ kronon. La homa tumulto igas ankaŭ nin rapidi al granda fontano: ni apenaŭ sukcesas al komenco de akva spektaklo. Eksonas muziko kaj ekmoviĝas strifluoj: kurtaj aŭ longaj, rapidaj aŭ lantaj, gajaj aŭ tristaj depende de akompananta melodio kaj de diverskolora lumigado, ĉiam ŝanĝiĝantaj. La prezentaĵo daŭras 10 minutojn, sed ni, same kiel plejmulto de ĉeestantoj, emas sperti ankoraŭfoje belan spektaklon. La vica ripetiĝis post duonhoro, absolute nova laŭ formoj, koloroj kaj muziko.

Iun posttagmezon mi kun Ramon vizitas ankoraŭ unu mian Gresillon-lernanton Luis Armadans, jam maljuniĝintan, sed ankoraŭ sufiĉe viglan sinjoron. Karles Berga, kiu gastigas min, estas aktivulo de kataluna E-movado. Fervora adepto, li denaske E-paroligas sian filon. Karles mem estas posedanto de librejo de brokantaĵoj, kie sur unu el bretoj trovis lokon E-libroj. Du vicajn tagojn mi pasigas en la urbo, uzante jam konatan duetaĝan turistan buson. Sed aŭskultiloj mankas, la ĉiĉeron(in)o pri vidindaĵoj de la katalunia ĉefurbo skize parolas en la kataluna kaj en la angla lingvoj. Tio min surprizas, ja Katalunio estas parto de Hispanio kaj ĝis Francio estas nur 60 kilometroj!..




Finiĝis mia trisemajna restado en Iberio, kaj mi iom tristis adiaŭi ĝin. Tamen restos porlonge en la memoro ambaŭ landoj, iliaj homoj, kiuj estas ligitaj geografie, historie kaj kulture. Mi aldonu, ke varma gastamo ankaŭ estas unu el komunaj naciaj trajtoj de iberiaj popoloj.

***Tatjana Loskutova (Ivanovo)***

# *Mikaelo Povorin*

## La lasta tago de aŭgusto

La lasta tago de aŭgusto...
Ĉu estas en la mondo justo?
Min premas io en la brusto
Pro la senhalta tempokur'.
Mi ĉe la tablo sola sidas
Kaj al la notlibret' konfidas,
Kion memoro mia vidas,
De kio restis kora spur'.

*Refreno:*

Ne bedaŭru, la vojo daŭru,
Ne enuu, verkadon ĝuu,
Ne permesu, ke kanto ĉesu,
Ke mutiĝu la son' de gitara akord'.
Ne pasivu, sed plue vivu,
Kaj ne veu, sed ion kreu.
Melodio kaj harmonio
Vin plenigu per freŝa vigleco kaj fort'.

Pro kio venis tiu tristo?
Ja estas mi esperantisto,
Delonge devus la rezisto
L' animon hardi por toler'.
Somera fin' – afer' kutima,
Kaj restas la futur' senlima,
Ne dronu nur en marĉo ŝlima
De l' vivrutin' kaj efemer'.

*Refreno*

Jen estas nova kant' naiva
Pri mia stato subjektiva,
Muziko – preskaŭ primitiva,
Sed naskiĝinta en la kor'.
Indulgu min, amiko kara,
Pro ĉi konfes' kaj plend' amara.
Neniu estas senerara,
Ne ĉiam gajas la humor'.

*Refreno*

*Kiel vi jam povis legi en la antaŭa numero, ĉi-somere aperis dudiska kantokolekto de Mikaelo Povorin. Ĉi-sube vi trovos ankoraŭ ne publikigitan versaĵon de Mikaelo, kiu fariĝis unu el la relative freŝaj kantoj en tiu kolekto. Estas publikigataj ankaŭ faritaj de Povorin tradukoj de du kantoj de la fama nuntempa rusia bardo Viktor Tretjakov. La tradukojn Mikaelo faris laŭpete de la aŭtoro mem, kiu planas de tempo al tempo plenumi E-ajn versiojn dum siaj koncertoj.* ***(Garik Kokolija)***



*Viktor Tretjakov kantas dum la junulara programo de UK en Florenco*

---

# *Viktor Tretjakov* *(esperantigis Mikaelo Povorin)*

| **Тюбик** | **Tubeto** |
|---|---|
| Я повстречала его весною, | En primavero mi, junulino, |

| | |
|---|---|
| Он был художник, почти известный.<br>Мы целовались с ним под сосною,<br>Ну, и он женился, поскольку –<br>честный! | Pentriston faman por am' renkontis.<br>Li min kisadis sub verda pino<br>Kaj edzinigis, ĉar trompi hontis. |
| Он пил не много, он был не грубым,<br>Такое счастье, девки, лишь раз бывает.<br>Одно смущало – почистит зубы,<br>И, вечно, тюбик не закрывает... | Li estis sobra, eĉ komplimentojn<br>Al mi diradis. Feliĉ' ne ĉesis!<br>Nur eta manko: brosinte l' dentojn,<br>Tubeton fermi li ja forgesis... |
| Но я внимания сперва не обращала<br>(такой мужчина мне небом даден)<br>И всё по-бабьи ему прощала,<br>Всё, даже тюбик, будь он неладен. | Sed mi atenton al ĝi ne donis.<br>Ja tia viro, lin Dio benu!<br>Mi lin pro ĉiu misfar' pardonis,<br>Eĉ pro tubetoj, diablo prenu! |
| А муж, рисуя, впадал в нирвану:<br>То, вдруг, обнимет: люблю, говорит,<br>и баста!<br>То вдруг, проказник, затащит в ванну,<br>А там... открыта зубная паста! | Kaj li pentradis en stat' nirvana,<br>Min brakumadis en amimpeto!<br>Li min trenadis al ĉambro bana,<br>Al... nefermita de li tubeto! |
| А я, как дура, носки стирала,<br>В супы ложила бульонный кубик,<br>И всё просила, всё умоляла:<br>ПОЧИСТИЛ ЗУБЫ – ЗАКРОЙ, БЛИН,<br>ТЮБИК!!! | Mi, stultulino, ŝtrumpetojn lavis,<br>En supon metis buljonkubeton.<br>Al li mi solan petegon havis:<br>"DIABLE, FERMU DO LA<br>TUBETON!!!" |
| А он, скотина, ну как нарочно,<br>Всё это, Глаша, говорит,<br>второстепенно…<br>Скажите, девки, ну разве можно<br>Любить и гадить одновременно? | Sed li, kanajlo, malicintence<br>Diradis: "Ĉio ĉi efemeras..."<br>Knabinoj, diru: ĉu estas dece<br>Fiagi tiel, se am' sinceras?!! |
| И я с досады ушла к соседу,<br>Ведь у соседа вставная челюсть...<br>На полке тюбик от «Блендамеду»<br>Лежит закрытый.. Какая прелесть!!!<br>*09.02.1998 г.* | Kaj mi ĉagrene foriris tiam<br>Al vir' najbara protezodenta...<br>Ĉe li tubetoj fermitas ĉiam...<br>Finfine estas mi plenkontenta! |

| **Карамелька** | **Karamelo** |
|---|---|
| Если ты с мечтой расстался,<br>Если вдруг один остался,<br>Или день твой не задался<br>С утра, | Se la rev' ne plu jam estas,<br>Se vi tute sola restas,<br>Se sukceson ne promesas<br>Maten', |
| В жизни важно научиться,<br>На мажор переключиться, | Por ke bonu la humoro,<br>Vin agordu je maĵoro, |

Если вдруг с тобой случится
Хандра.

И я придумал отличное средство –
Я картину рисую из детства:

*Припев:*

Слева мама, справа папа, и я –
классный такой,
Босиком иду по лужам, улыбаясь
прохожим.
Мне всего четыре года, карамель
за щекой,
И я сам на карамельку похожий!

Чтоб забыть про огорченья,
Жизнь представь, как приключенье,
Ну, а хочешь – по теченью
Плыви.

Да просто плюнь на неудачи,
В жизни, так или иначе,
Всё зависит от раздачи...
Любви.

А ещё есть надёжное средство –
Вспоминай беззаботное детство:

*Припев:*

Слева мама, справа папа, и я –
классный такой,
Босиком иду по лужам, улыбаясь
прохожим.
Мне всего четыре года, карамель
за щекой,
И я сам на карамельку похожий!

Слева мама, справа папа, и я –
классный такой,
Босиком иду по лужам, улыбаясь
прохожим.
Мне всего четыре года, карамель
за щекой,
И я сам на карамельку похожий...
И я сам на карамельку похожий...
И я сам на карамельку похожий!

*27.06.2006*

Kaj forflugos el la koro
Ĉagren'.

Mi elpensis rimedon efikan.
Pentras mi jenan bildon lirikan:

*Refreno:*

Live – panjo, dekstre – paĉjo, meze –
mi, kia bel'!
Nudpiede tra flaketoj iras mi kaj
jubilas.
Estas mi nur kvarjaraĝa, en la buŝ' –
karamel',
Kaj mi mem al karamelo similas!

Por ke estu viv' plezura,
Ĝin imagu aventura,
Drivu al la for' futura,
Fratar'.

Vi kompreni ja bezonas:
Nure tiam viv' imponas,
Kiam amon vi disdonas
Sen ŝpar'.

Rememoru rimedon efikan.
Pentru vi jenan bildon lirikan:

*Refreno:*

Live – panjo, dekstre – paĉjo, meze –
mi, kia bel'!
Nudpiede tra flaketoj iras mi kaj
jubilas.
Estas mi nur kvarjaraĝa, en la buŝ' –
karamel',
Kaj mi mem al karamelo similas!

Live – panjo, dekstre – paĉjo, meze –
mi, kia bel'!
Nudpiede tra flaketoj iras mi kaj
jubilas.
Estas mi nur kvarjaraĝa, en la buŝ' –
karamel',
Kaj mi mem al karamelo similas...
Kaj mi mem al karamelo similas...
Kaj mi mem al karamelo similas!